# Esperanto en Azio kaj Oceanio

n-ro 104, Julio 2019

Bulteno de KAOEM

Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado

◆**Salutas novaj estraranoj de KAOEM**

## Novaj rimedoj forigos la kontinentan distancon!

Prezidanto, s-ro Nisinaga Atusi



Al karaj amikoj kaj kunlaborantoj, kore salutas Nisinaga Atusi la nova prezidanto de la Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto-Movado (KAOEM). Kaj mi esprimas elkorajn dankojn kaj estimojn al la antaŭa gvido-teamo, la prezidanto d-ro So Jinsu, vicprezidanto S-ro Inumaru Fumio kaj sekretario S-ro Chimedtseren Enkhee.

Bonvolu permesi al mi iom skribi pri mi mem. Mi naskiĝis en la intermonta urbeto Ŝobara en Gubernio Hiroŝimo kaj nun laboras en la Centra Oficejo de Oomoto en Kameoka en Gubernio Kioto.

Mi estas denaska Oomotano, kaj post esperantistiĝo en 1974, kiel funkciulo de Junulara Fako de Oomoto, organizis Esperanto-karavanojn al Ŝanhajo, Cindao kaj Pekino (Ĉinio) en 1988, al Busano, Teguo kaj Seulo (Koreio) en 1989 kaj al Ĥabarovsko kaj Vladivostoko (Sovetio tiama) en 1990. Mi organizis ankaŭ la 10an Komuna Seminarion en Kameoka 1991.

Mi estas individua membro de UEA de 1982, fakdelegito de 2003 kaj ĉefdelegito en Japanio de 2017.

Kaj en la lastaj jaroj mi aktivas per interreto precipe per Fejsbuko: (https://www.facebook.com/atusi.nisinaga) kaj per Tvitero: (https://twitter.com/chevalosta).

Kvankam por mi estas malfacile veturi eksterlanden, mi povas utiligi interretajn rimedojn, kiuj nepre helpos min plenumi la taskojn de la prezidanto. La rimedoj kredeble donas novajn kaj pli multajn ŝancojn partopreni Esperantajn agadojn en diversaj kampoj kaj lokoj en Azio-Oceanio, la tre vasta parto de la terglobo.

Fakte tie loĝas multaj kaj diversaj popoloj kun malsamaj historioj, vivkutimoj, pensmanieroj ktp. Dum la diverseco kaj malsameco unuflanke montras tre riĉan varion de kulturoj, tamen aliflanke tio povus kaŭzi sociajn konfliktojn, se tie ne kreskus interkompreno kaj interrespekto. Por paco, homoj kun diverseco nepre bezonas ankaŭ trovi kaj akiri ion kundivideblan. Kaj nia komuna lingvo Esperanto povas esti unu el la plej utilaj rimedoj per kiuj homoj povas kompreniĝi unu kun la aliaj. Ni esperantistoj bone scias, ke "per" Esperanto ni povas interkompreniĝi kaj interamikiĝi eĉ kun respekto reciproka. Sekve tre gravas niaj agadoj "per" Esperano, precipe en Azio-Oceanio kie ofte la distancoj inter popoloj estas tre grandaj geografie kaj kulture.

Sed samtempe ni ne forgesu la gravecon de la movado "por

**ENHAVO** - julio 2019 - paĝo

Esperanto". Se ni ĉesus la klopodojn multigi esperantistojn, tre kompreneble pli-malpli baldaŭ ni perdos kolegojn kun kiuj ni povus praktiki nian lingvon. Do ni estu fervoraj multigi esperantistojn. Kaj mi pensas, ke tiam tre gravas "efiko"; niaj informadoj kaj instruadoj estu ju pli efikaj por ke niaj lernantoj povos des pli rapide kreskos kaj libere praktikos nian lingvon. Kaj mi kredas, ke tiam necesas konkreta kaj realigebla plano, kiun mi nomas "dezajno", prefere ol abstrakta celo, kaj ofte utilas teknikaj aplikadoj de novaj rimedoj. Feliĉe nuntempe antaŭ ni pretas tre konvena rimedo, "Interreto" kiu nuligas la distancon eĉ de la vasta kontinento.

Do, karaj legantoj, mi petas vin kunlabori laŭ diversaj rimedoj kaj kanaloj por kundividi pli grandan ĝojon progresigi la movadon kaj riĉigi nian lingvan reton. En Azio kaj Oceanio pli multaj problemoj povas bari nian movadon ol en aliaj kontinentoj. Sed se ni alfrontos malfacilaĵojn, ni tiam helpu unu la aliajn. Post sukcesa konkero de problemo certe venos multe pli granda rikolto. Kaj la forton de nia kunlaborado ni disvolvu de Azio-Oceanio al la tuta terglobo.

Esperante pli amikajn kunlaborojn kun vi,

# Esperanto – la gravega parto de mia vivo

Vic-prezidanto, s-ino Nguyen Thi Phuong Mai

Saluton!



Mia nomo estas Nguyen Thi Phuong Mai. En Vjetnamio oni ofte vokas min "Phuong Mai". Mi ŝatas ĉi tiun nomon, ĉar ĝi signifas "Brila Estonteco"-n, kaj, mi uzas ĝin en Sumoo kiel luktistan nomon. Sed vi povas simple voki min "Mai". Mi ŝatas ankaŭ la vorton, ĉar "Mai" estas nomo de unu modesta, ĉarma kaj populara floro de printempo en Sudo de Vjetnamio (Tamen⸗mi loĝas en Nordo kaj estas hanojano ☺☺☺).

De la 2a Azia Kongreso en Hanojo (AK-2) por kiu kiel volontulo mi laboris, bonŝance mi ricevadis subtenemon, helpemon, prizorgemon, kunlaboremon de estimataj kaj karaj tutmondaj esperantistoj. Mi elkore dankas ilin ĉiujn, kun speciala dankemo al japana esperantis-

taro. Ekde tiam Esperanto jam estas gravega parto en mia vivo.

Mia karega danko iras ankaŭ al vjetnama esperantistaro, ĉar ili konfidas kaj donas al mi multajn postenojn gravajn: t.e. prezidanto de Hanoja Esperanto-Asocio, vicprezidanto de Vjetnama Esperanto-Asocio kaj ankaŭ komitatano de Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj.

Mi ŝatus esprimi mian profundan dankemon kaj respekton al estraroj de KAEM – eksa kaj nuna, kiuj kuraĝigas min kaj donas al mi honoran, grandan taskon de KAEM-vicprezidanto. Tio estas grava respondeco, sed ankaŭ bona ŝanco donita por ke mi strebos pluen por la movado.

Azio-Oceanio estas granda, dinamika parto de la mondo kun diversaj kulturoj. Dank' al antaŭaj estraroj, ni feliĉe ĝuas fortan movadon en Azio-Oceanio. Pro tio, kun tuta entuziasmo kaj energio, pro komuna agado kaj ĝenerala disvolviĝo de la movado, ni devas pli multe klopodi, pli aktive agadi. Malfacilaĵoj ĉiam staras antaŭe, sed se ni ĉiam pozitive pensas, unuanime kunlaboras, ĉiuj malfacilaĵoj malaperos.

Mi deziras, ke nia nova mandato estu plenplena de energio, havu fruktodonan sukceson, kaj pligrave, ke ni daŭre ricevu subtenojn, helpojn kaj interŝanĝojn de la opinioj por plenumi niajn novajn respondecojn, novajn taskojn kaj rolojn.

Mi esperas, ke ni kunlaboros efektive kaj verdigos Azio-Oceanion.
Dezirante al vi ĉiuj sanon, feliĉon, sukceson kaj ĉiam bonŝancon!
Sinceran dankon!



## Viaj helpoj kaj kunlaboroj petataj!

Sekretario, s-ino Oh Soonmo

Saluton karaj geamikoj !

Mi estas korea reprezentanto kaj sekretario de KAOEM, OH Soonmo, emerita instruisto. Mi nun paralele ludas la rolojn de vicprezidanto de Korea Esperanto-Asocio kaj tiu de Esperantista Asocio de Ŭonbulismo.

Antaŭ ĉio mi multe dankas eksajn estraranojn de KAOEM, s-rojn SO Jinsu, Inumaru Fumio, kaj Chimedtseren

Enkhee, kiuj bone gvidis nin dum la lastaj tri jaroj kaj klopodadis por evoluigi nian movadon. Malgraŭ la manko de kapabloj, mi diligente klopodos por Azia-Oceania Esperanto-Movado kunlaborante kun novaj estraranoj, prezidanto s-ro Nisinaga Atusi, vicprezidanto s-ino Nguyen Thi Phuong Mai kaj partnera vicsekretario s-ino Ilia Sumilfia Dewi. Mi petas viajn helpojn kaj partoprenojn al niaj ĉiuj laboroj.

Koran dankon!

## Kaj daŭros mia fervoro kontribui al la movado.

Vic-sekretario, s-ino Sondang Ilia Sumilfia Dewi

Salutojn al karaj legantoj!




Mi nomiĝas Ilia el Indonezio. Estas granda honoro por mi esti parto de nova estraro de KAOEM en la nova mandato, 2019-2022. Ekde mia konatiĝo kun Esperanto en la fino de 2009, mi havis kaj havas grandan intereson labori por la movado. Mi komencis mian esperantan karieron en 2010 kiam mi kaj du aliaj samlandanoj starigis Esperanto-klubon “Esperiga Suno” en Ĝakarto. Tiam mi fariĝis sekretario de la klubo kaj laboris ĝis 2014. En 2013 mi estis elektita kiel prezidanto de Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) por tri jaroj kaj reelektita en la transira estraro. Krom tio, mi nun estas la landa reprezentanto de KAOEM kaj kontaktpersono de ILEI por Indonezio.

Mi akceptis la rolon de vic-sekretario de KAOEM, ĉar mi deziras subteni ĝiajn agadojn kaj daŭrigi la bonan kunlaboradon inter samideanoj en Azio. Mi vidas ke la Azia-Oceania Komisiono ludas gravan rolon organizi kaj antaŭenigi la movadon. Pro tio, lertaj kaj laboremaj samideanoj estas nepre bezonataj.

Mi persone tre dankas al la eksaj estraranoj kiuj multe kontribuis al la movado kaj bone kunlaboris inter si dum sia mandato. Certe ankaŭ mi volonte oferos mian tempon, penson kaj energion al KAOEM kaj bone kunlaboros kun aliaj kolegoj dum nia periodo.

Ni verdigu Azion!

## —Speciala kontribuo de eks-prezidanto de KAOEM—

d-ro So Jinsu

Karaj samideanoj,



Kun elkora danko al landaj reprezentantoj, membroj kaj estraranoj de KAOEM, kaj UEA, mi nun salutas kiel la eksprezidanto de KAOEM. Kun viaj komprenoj, helpoj kaj subtenoj, mi povis ludi la rolon, kio tute bazis sur viaj kunlaboroj. Tri jaroj estis longa kaj mallonga por mi. Mi volas nodi la ĉapitron de mia vivo kaj rolo jen kun la prezento de la laboroj de la estraro kaj kelkaj opinioj por KAOEM.

1. KAOEM havas multajn laborojn kiujn estraranoj devis solvi per planoj, ricevoj de proponoj kaj akceptoj post demando kaj voĉdono, sen helpo de iuj oficistoj. Abundas la taskoj farendaj, 1) okazigi Azia-Oceanian Kongreson, por kio ni interŝanĝis pli ol 100 retpoŝtojn kaj diskutadis, 2) kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia-Oceania Kongreso, per kio ni renkontas vidalvide kaj informas la mondon pri ni, 3) eldoni "Esperanto en Azio kaj Oceanio"-n 4-foje ĉiun jaron, por kio kontribuis s-ro Hori Jasuo kaj provlegantoj, 4) kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por diversaj projektoj, 5) kolekti informojn pri movadoj diverslandaj, 6) subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj, 7) membrigi aktivulojn al UEA kaj subvencii al la partoprenontoj de UK, ILEI-Kongreso, AOK ktp.

2. Varbado, juĝo kun demando kaj voĉdono, decido laŭ la buĝeto de Fondaĵo Azio de UEA, kaj peto de transpago de UEA al koncernato, konfirmo kaj raporto ripetis ĉiujn monaton kaj jaron. En ĉiu flanko, mi estis tiel feliĉa, ke s-ro Inumaru Fumio, vicprezidanto kun plena sperto, kaj s-ro Chimedtseren Enkhee, sekretario atentema, tre kontente plenumis, pro kio mi denove dankas la partnerojn. Nia teamo plej fokusis al la vigligo de lokaj movadoj de la kvar partoj de Azio kaj Oceanio, nordorienta, sudorienta, suda, okcidenta partoj de

granda Azia kontinento kaj Oceanio. Nun mi esperas ke la strategioj floru kaj progresu senhalte de loko al loko konkurante unu la alian.

3. Se mi mencius la plian efikon kaj raciigon de la subvencio, estus pli bone, se membroj kaj landaj reprezentantoj proponas ies subtenon nepre kun antaŭkondiĉo de iliaj kontribuoj ol simpla ĉeesto. Kaj aliĝanto sendu difinitan planon krom monsumo al la estraro por kontribuo en la eventoj, kaj tuj raportu post la plenumo al KAOEM.

4. Kunlaboro kun kaj inter junularoj estas tre grava por nia estonto. En la regiono kontrolita de KAOEM jam troviĝas kaj tradiciaj internaciaj kunlaboradoj inter junularoj, kiel 'Komuna Seminario' de kvar landoj kun 37-jara historio, kaj la plej juna 'Kunveno de Sudorienta Junularo', karese(nome?) 'Kuŝejo'. Kaj en Danang ni konstatis la potencon de aziaj junuloj tiel aktivaj.

5. KAOEM elektis 4 novajn estraranojn, malsame ol 3 eksaj. 2 el ili devenis el nordorienta azio kaj 2 devenis el sudorienta azio. Ni povas kompreni ke 2 aksoj el 4 aksoj pli fortiĝos per tiu ŝanĝo. Esperanto-movado estas baze internacia. KAOEM-estraroj devas ĉiam klopodi por ke la membroj sentu la etoson de internacieco. Dezirinde estas ke 4 aksoj de 4 partoj egale fortiĝos baldaŭ.

6. Restas ankaŭ hejmtasko ke la landoj de Azio kaj Oceanio devas pli proksimiĝi kaj multigi de nun kunlaborojn unu kun la alia. La spacon pruvigas du esprimoj 'KAEM' kaj 'KAOEM', kion ni ankoraŭ mikse uzas, malgraŭ UEA klasifikas nian komisionon 'KAO', Komisiono pri Azio kaj Oceanio, aŭ Komisiono de Azia-Oceania Agado.

Ne venas honoro, sen laboro. Sed al mi venis honorego per laboreto. Pro tio mi pardonpetas, kaj multe dankas vin.

Kun granda amo kaj profunda danko,

Tutamike via SO Jinsu

La nomaron de la novaj estraranoj kaj reprezentantoj de KAOEM vi trovas en la antaŭlasta paĝo 47 en tiu ĉi numero.

Raporto pri la 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (AOK-9)

# Verdis vento en Danang, Vjetnamio


la najbara plaĝo de la kongresejo ©Kitagawa I.

La 9-a Azia-Oceania Kongreso okazis sukcese en la urbo Danang, Vjetnamio ekde la 25-a ĝis la 28-a de aprilo en 2019 sub la temo "Esperanto kaj Kultura Diverseco de Azio kaj Oceanio" kun ĉeesto de 233 gesamideanoj el la aliĝintaj 281. La kongresejo estis plena de amikaj renkontiĝoj kaj la programeroj kaj kunagadoj trovis kundividitan amuziĝon. LKK-anoj kaj KAEM-anoj elkore dankas la koncernatojn kaj la partoprenantojn pro la kontribuoj en diversaj kampoj.

Ĝeneralan bildon de la kongreso ni povas scii per la artikolo de d-ro So Jinsu en la junia numero de la revuo Esperanto de UEA. Ĉi tiu artikolo estas preparita ĉefe por raporti unuopajn programerojn.

Kaj komence ni traktu notindajn aferojn laŭ la vidpunkto de la prizorgantoj de la kongreso.

**[Notoj pri la organizado]**

La vjetnamaj LKK-anoj jam spertis organizi kongreson okaze de la Hanoja UK kaj ŝajne la sperto multe helpis ilin ĉi-foje. Ili kunsidis plurfoje inter si kaj kun la respondeculoj de VUAO kaj DUAO. (Krome ankaŭ s-roj So kaj Inumaru, la ĉef- kaj vic-prezidantoj de KAOEM, vizitis la urbon po unu fojon anticipe por preparo).

La vjetnamaj instancoj subtenis la kongreson, aparte VUAO kaj DUAO eĉ finance. La alta protektanto s-ino Nguyen Phuong Nga la prezidanto de VUAO partoprenis en la ceremonioj, plantado, akceptoj kaj la nacia vespero. Ankaŭ aliaj gravuloj. Kongresa buĝeto naskis profiton.

Oficiale komisiite s-ro Usui Hiroyuki instruis Esperanton al la studentoj de Universitato Danang tri fojojn semajne ekde la 24-a de marto ĝis la 20-a de aprilo (Laŭ li dezirindus unu monaton plue). Kaj antaŭ unu semajno de lia vizito, s-ro Nguyen Van Ha havis por ili

enkondukan kurson. La studentoj ankaŭ laboris kiel volontuloj de la kongreso, kaj ni esperas, ke el ili aperos veraj esperantistoj kiel S-ino Nguyen Thi Phuong Mai, la nova vic-prezidantino de KAOEM, kaj s-ino Pham Mai Lan, alia motoro de la kongreso, kiuj estis volontuloj en la 2a Azia Kongreso. Plie ilin sekvas la generacio de la volontuloj en Hanoja UK.


El la volontuloj aperu azia M. Boulton! ©Kitagawa I.

Memore al AOK-9 VEA eldonis kaj surloke ekvendis kvar librojn: "Vjetnama Antologio", "Ekvivalentaj proverboj en la vjetnama-angla-Eperanta-franca lingvoj", "Vivo de Zamenhof", "Nia mirinda vojaĝo".

Kaj laste notindas, ke profitante ĉi tiun okazon LKK-anoj sukcesis trovi iaman respondeculon de Dananga Esperanto-Asocio kiu estis agnoskita en 1999 sed lastatempe tute ne aktivas. Ili renkontiĝis kun li post la kongreso kaj nun havas la intencon revivigi la asocion.

**Pri Subtenoj**: AOK-9 ricevis subtenon de multaj vjetnamaj instancoj: Ekstera Ministerio, Medicina Ministerio, Ministerio pri Sekureco, Ministerio pri Informado kaj Kulturo, Ministerio de Edukado, Ambasadejoj (venis ambasadoroj de Ĉinio kaj Laoso), Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj (VUAO), la Popola Komitato de Urbo Danang,



Dananga Unio de Amikecaj Organizoj (DUAO), Universitato Da Nang, multaj gazetaraj agentejoj de la tuta lando, ktp. VUAO havas rolon kiel grava ministerio pri popola diplomatia agado en Vjetnamio. VEA apartenas al VUAO.

(INUMARU Fumio, eks-vicprezidanto de KAOEM)

## ■ la programeroj de AOK-9


LKK-membroj kun "Áo dài" ©Kitagawa I.

### La 25-a ĵaude

1. **Gazetara Konferenco** 10h00-11h00

Prezidis s-ro Nguyen Van Loi. Interpretis s-ino Tran Thi Hoan (Ĝojo).
S-ro Nguyen Van Loi kaj d-ro So Jinsu klarigis pri vjetnama Esperanto-movado kaj la 9-a Azia-Oceania Kongreso. Ili respondis al demandoj de la ĵurnalistoj.
Rezulte ĉirkaŭ 40 gazetaraj agentejoj kaj televidoj dissendis informojn pri la kongreso.

2. **Urba Akcepto** 17h30-18h30

La Popola Komitato de Urbo Danang bonvenigis gvidantojn, gastojn kaj kongresanojn per luksa bankedo kun muzik-ludoj.

3. **Kultura & Interkona Vespero** 19h00-21h00, ĉ.90 ĉeestantoj (ĉi-sube ellasitaj)

Prezidis s-ino Tran Thi Hoan kaj s-ro Ajua Serge Josef. Raportiĝis el la filmo redaktita de Stadio Piramido (So Jinsu).
La vespero komenciĝis en para konversacio inter vjetnamo kaj alilandano dum fiksita tempo kun ŝanĝo de la paroj. Sekvis prezento laŭ landoj, amuzaj ludoj, kanto de studentaj volontuloj de la kongreso kaj aliaj.

### La 26-a vendrede

1. **Inaŭguro** 09h00-10h30

Prezidis d-ro So Jinsu. Interpretis s-ino Nguyen Thi Nep (Nepo)
Malferma saluto de la prezidanto, Prezento de podianoj, Parolado kaj filmeto pri la urbo Danang, Parolado de s-ino Nguyen Phuong Nga, la alta protektanto, Salutoj de UEA kaj KAEM, s-ro Lee Jungkee

kaj d-ro So Jinsu, Saluto de VEA kaj LKK, s-ro Nguyen Van Loi, Prezento de prelegantoj kaj gvidantoj de la programeroj, Premiado far de VUAO al KAEM kaj al aktivaj esperantistoj, Salutoj de landaj reprezentantoj kaj Himno de Esperanto.
Deklariĝis malfermo de la Kongreso


ĉe la enirejo de la kongresejo ©Kitagawa I.

## 2. **Komuna Fotado** 10h00-10h30

Antaŭ la pordo de la kongresejo la kongresanoj fotiĝis.

## 3. **Programeroj**

### 1) **Prelego pri Vjetnamio** 10h30- 12h00

S-ro Nguyen Van Loi prelegis amplekse pri Vjetnamio - lando, popolo kal kulturo - kun diversflankaj resumoj kaj abundaj fotoj.

### 2) **Video-prelego pri kongresa temo** 12h00-12h20, ĉ.50

Prezentiĝis video, kie d-ro A. Giridhar Rao prelegis sub la titolo "Esperanto kiel pensilo pri kultura diverseco" (Vidu la paĝon 20-22).

### 3) **IKEF** 11h00-13h00, 20

Prezidis s-ro KIM Yong Jin (Diablego). S-ino Duong Tu Kieu raportas:
20 membroj el 5 landoj (Vjetnamio, Mongolio, Japanio, Ĉinio kaj Koreio) ĉeestis. Unue, la 3an Komunan Konferencon de IKEF s-ro ENKHEE proponis okazigi en Mongolio. Pri la propono la partoprenantoj decidis okazigon kondiĉe ke tra la konsultado kun la estraro. Due, partoprenantoj informis kaj varmege diskutis laŭ siaj fakoj. Ĉiuj proponis pli da disvastigo kaj esperis sukceson de nia komerco, kaj ankaŭ varmege manprenis por Esperanto-Movado.

### 4) **Vivi en Ĉinio kiel fremdlanda esperantisto (En Ĉinio)**

13h40-14h25, ĉ.30 / Prezidis s-ro Kim Inhong kaj prelegis s-ro BAK Giwan. S-ro Bak raportas:
Mi parolis pri miaj spertoj en Ĉinio dum 16 jaroj, montrante multajn fotojn per projekciilo. Mi pensas, ke la ĉeestantoj multe interesiĝis pri la enhavo de la prelego. Sed pro manko de tempo oni ne povis havi tempon por demandoj. Fakte la prelego komenciĝis iom malfrue pro la teknikaj aferoj. En la prelego mi parolis pri miaj spertoj kaj ankaŭ pri la lingvaj strukturoj de la ĉina, inkluzive la

karakterizaĵojn de ĉina Esperanto, kiun mi nomis Ĉinesperanto. Kaj mi tuŝis iom ankaŭ la ĉinan Esperanto-movadon kaj la Esperanto-fakon de mia universitato Zaozhuang.

5) **Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK)** 14h30-15h10, ĉ.50
Prelegis s-ro LEE Jungkee, Li raportas:

Seula Esperanto-Kulturcentro (SEK) estis fondita de LEE Jungkee por instrui Esperanton al civitanoj en Seulo kaj ĝiaj ĉirkaŭaj urboj. Tra 325 monataj kursoj ĝi okazadis kaj en tiu ĉi monato (aprilo, 2019) naskiĝis la kursano, kiu gajnis la numeron '2000-a'. Tra 28 jaroj la kurso daŭris senpaŭze.

En la prelego LEE emfazis ke sen instruado de Esperanto neniel nia movado progresos, tial li proponis ke almenaŭ en ĉefurboj ni okazigu regulan Esperanto-kurson. Unu el la 2000 kursanoj, s-ro SIM Myung-ki (Blanka), eksdirektoro de Samsung, prezentis sian Esperanto-lernadon, speciale tra Esperanto-kantoj, kiujn li lernis en Kanto-Rondo 'Amuze'.

6) **Oomoto** 13h40-15h10, 40
Prezidis s-ro OKUŬAKI Toŝiomi . Li raportas:

Post mia saluto, la filmo "Paŝoj de Oomoto" estis prezentita. La invitito prof. Lee Jungkee, estrarano de UEA salutis. Sekvis la parolado de s-ino Ilia Sumilfia Dewi, la prezidanto de Indonezia Esperanto-Asocio. Ŝi pasintjare vizitis Oomoto-Centron. Mi klarigis la amikecan historion kun Kaodaismo kaj aktivadon de IRUHA (Internacia Reto de Universala Homama Asocio). Kaj reprezentante Kaodaismon, s-ro Cuong Le salutis. Sekvis la saluto de s-ino Duong Tu Kieu (Toka), kiu instruas Esperanton al li. La unua kredanto de Oomoto en Mongolio, s-ro Chimedtseren Enkhee salutis kaj f-ino Niŝijama Joŝiko, altlerneja studento el Japanio, parolis sian revon, "vizitinte Laoson kaj Kamboĝon".

**7) Esperanto-movado en Azio kaj Oceanio (KAEM)-1**
13h40-15h10, 30 / Prezidis s-ro INUMARU Fumio. Li raportas:

La prezidanto d-ro So Jinsu salutis kaj ni aŭskultis movadajn raportojn el Tajvano (Chen Liru), Tajlando (Dennis Bemmann), Koreio (So Jinsu), Indonezio (Ilia Sumilfia Dewi), Japanio (Suzuki Keiichiro), Nepalo (Chol Nath Pokharel) kaj Vjetnamio (Trang Thi

Hoan). Sekvis tri demandoj kaj ĝiaj respondoj. Unu estis, kio estas la plej granda malfacilaĵo en ĉiutaga movado. Ĉiu raportinto respondis; post enkonduka kurso, kapitalo kaj homaj rilatoj, malmultiĝo de membroj, motivigo, sociala utiligo, k.s. Ni aŭskultis raporton el Singapuro (Foo Yu Kang Wilson)

8) **Paroliga kurso 1**
La 26-a 15h20-16h50, ĉ. 20 kaj la 28-a 10h40-12h10, ĉ.20
S-ro USUI Hiroyuki gvidis. Li raportas:


la gvidanto Usui kaj la kursanoj ©Kitagawa I.

La tasko donita estis okazigi du "paroligajn" programerojn. Tamen la nivelo de la ĉeestantoj multe variis (iuj jam flue parolis la lingvon, aliaj scipovis nur kelkajn frazojn), tiel ke la lernokunsidoj ne estis ĉiam paroligaj. Dum la du kunsidoj, kies enhavo cetere ne nepre identis, estis utiligitaj la memormetodo de KI-vortoj proponita de s-ro SANO Hirosi, langorompiloj kiujn foje la ĉeestantoj devis ne nur simple elbuŝigi sed eĉ krii, kaj kelkaj konversaciaj ekzercoj por demandi kion oni ŝatas fari aŭ je kioma horo oni kutimas fari ion. Ne mankis okazoj ankaŭ por kanti tiajn kantojn kiaj "Edelvejso"kaj "Brilu, brilu, eta stel'".

9) **Meditado kaj 108 Riverencoj (Ŭonbulismo)**
15h20-16h50, 21 / Prezidis s-ino OH Soonmo (Brila). Ŝi raportas:

Kun malferma saluto s-ro Lee Jungkee prezentis skemon de ŭonbulismo. Kaj s-ino Brila prezentis simplan kaj facilan meditadon kun malstreĉi korpon kaj ekzerci fokusan meditadon dum 5 minutoj. Finparte de la kunsido s-ino Hejna Cho prezentis 108 riverencojn kun ekzerco.

Ĉeestantoj trinkis korean tradician teon, kiu havas kvin gustumojn kun tradicia kuko. Ĉeestantoj dividis siajn impresojn pri meditado. S-ino Indu el Nepalo diris ke la meditado estis efika por senigi sian kapdoloron, kaj trankviligi sian menson.

**10) Orientaj filozofioj per okuloj de okcidentano (Filozofio)**
15h20-15h55, ĉ. 40 / Prelegis d-ro Maciej St. Zięba (polo, Zaozhuang-a Universitato en Ĉinio). Li raportas:

Videblas diversaj aliroj de okcidentanoj renkontantaj tradiciajn orientajn filozofiojn: de simpla, pura neado de fundamentuloj (klamantaj ke filozofio ekzistis nur en Okcidento) ĝis kontraŭreago – simpla, plenkora akceptado de kreduloj (neantaj samtempe la valoron de okcidenta filozofio). La ĉefaj kialoj estas manko de kono de netradukitaj fontoj, kaj tro strikta, okcidenta koncepto de filozofio kiel sendependa, aparta scienco (vidanta en Orienton nur saĝecon, religion, ideologion ktp.). La plej racia aliro estas filozofia komparado de sistemoj kaj pensfluoj.

La preleginto, specialisto pri orientaj filozofioj: hindia, ĉina, budhisma ktp., provis pruvi, ke ili plej ofte ankaŭ estas raciaj esploroj pri mondo, homo, moralo ktp., nur ligitaj al „spirita ekzercado" (laŭ la difino de Pierre Hadot), samkiel la stoika. Tio montriĝis per ekzemploj de hinda njajano Udayana (X-a – XI-a jc.) kaj vjetnama konfuceano Lê Quý Đôn (1726–1784).

11) **<u>La 70-jara jubileo de Ĉina Esperanto-Ligo</u>** 16h00-16h50

Prezidis s-ro Shi Guang, eksprezidanto de Ĉina Junulara E-Asocio. Interpretis s-ino Ĉen Ji. El la komuniko kun ĈEL.

S-ro Lu Cairong, vicprezidanto de Ĉina Internacia Eldona Grupo, faris salutvortojn en la ĉina. Li prezentis novajn librojn pri Ĉinio. S-ino Chen Ji prezentis retejon de El Popola Ĉinio. Li donis Amikecajn Premiojn al s-ro Usui, kiu antaŭe laboris en EPĈ kaj al s-ro Enkhee, kiu kelkfoje vizitis Ĉinion kaj helpis ilian laboron. Du personoj premiitaj faris mallongajn prelegojn. Por malfermo de la ekspozicio s-ro Lee Junkee kaj s-ro Lu Cairong malkovris la ruĝtukon de ĉeftema tabulo. Sur la koridoro ekspoziciiĝis fotoj kaj klarigoj pri la 70-jara jubileo de Ĉina Esperanto-Ligo.



tradiciaj kantoj, dancoj kaj teatroj en Nacia Vespero g ©Kitagawa I.



4. **Akcepto de VUAO** 17h00-19h00

Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj bonvenigis gvidantojn, gastojn kaj kongresanojn per luksa bankedo kun muzikistoj.

5. **Nacia Vespero** 19h30-21h00

el raporto de s-ino Nguyen Thi Phuong Mai:

Kongresanoj povis ĝui specialan artan prezentadon, reprezentante apartan kulturon de la Mezo-regiono de Vjetnamio, ĉe la tradicia teatro, kun la temo "Hejmlanda Melodio" farita de urbaj artistoj kaj aktoroj.

## La 27-a sabate

1. **Plantado kaj ekskurso 1**

En la Junulara Parko, el raporto de s-ino Nguyen Thi Phuong Mai pri la plantado:



S-ro Inumaru plantas memorarbon. ©Kitagawa I.

Agado de plantado de memor-arboj markis la gravan internacian eventon en Danang. Tiu agado ne nur kontribuas verdigi la parkon, farante pli belan naturan pejzaĝon, sed samtempe fortigante la amikecon, pacon, solidarecon kaj kunlaboron inter homoj en la regiono kaj en la tuta mondo. Partoprenantoj de la agado plantis 5 verdajn arbojn, reprezentante 5 kontinentojn en la mondo en la Junulara Parko (Thanh Nien).

Post la plantado kongresanoj vizitis vendejon en ŝtona urbo.

2. **Ekskurso 2** 13h30-17h00

Kongresanoj turismis en la vidindejo de pagoda Linh Ung kaj vizitis Muzeon Cham.

3. **Internacia Vespero** 19h00-21h00

, Prezidis s-ino Tran Thi Hoan kaj s-ro Ajua Serge Josef. Raportiĝis el la filmo redaktita de Stadio Piramido (So Jinsu):

Komence komuna dancado. Prezentado de korea danco, indonezia kanto kaj danco (Ilia), tajvana kanto (Chen Liru), vjetnama kanto, dramo de gestudentoj de Zaozhuang-a Universitato, kanto de




volontulaj studentoj, ebriula gesto (Usui), nepala danco (Indu), recito de poemo (Syauqi), mongola kanto (Tuul), japanaj kantoj, kanto de singapuranoj, kantoj de koreaj sinjoro, gesinjoroj kaj grupoj, bamboo-fluto kaj unuciklo (Halpern), kanto (Kawamoto) kaj aliaj.

## La 28-a dimanĉe

### 1. Programeroj

**1) Esperanto-movado en Azio kaj Oceanio (KAEM)-2**
09h00-09h30, ĉ.20 / Prezidis s-ro INUMARU Fumio. Li raportas:

S-ro Inumaru prezentis koncize la movadon en Azio kaj Oceanio de regiono al regiono. Kaj ni aŭskultis movadajn raportojn el Aŭstralio (Paul Joseph Desailly) kaj Filipinio (Albert Stalin Garrido)

**2) Ĉinlitera Kultursfero (Lingvo)** 09h35-10h30,
Prelegis s-ro Jack Halpern, Li raportas:

Komence, li montris plurajn ĉinliterajn tekstojn, kaj petis al la ĉeestantoj diveni ĉiun lingvon. La tekstoj inkluzivis la tajvanan, la korean, kaj la klasikan vjetnaman.

Li diskutis kial lingvoj fascinas lin, kaj la dek ok lingvojn kiujn li parolas aŭ studas. Sekve li donis konsilojn pri efika lingvolernado. Fine, li prezentis projektojn de lia kompanio: Esperanta eldono de la Kanĵi-Vortaro por Lernantoj, kaj Libera - avangarda aplik-programo kiu tre faciligas lingvo-lernadon, per tekstoj interligitaj kun vortaroj, tradukaĵoj, kaj sonoj.

**3) Ĉambro de Hori** 09h00-10h30, 50 / Prelegis s-ro HORI Jasuo. Li raportas:

(1) Parkera kantado de la himno La Espero kaj poste ekzameno, 3 homoj sukcesis.
(2) Klarigo pri miaj libroj: Krabŝipo kaj bild-taglibro pri la katastrofo en 2011
(3) Klarigo pri Esperanto-Sumoo
(4) Voĉoj de bestoj en diversaj landoj
(5) Bingo pri Japanio
Ĉiuj tre ĝuis mian kunsidon. La salono estas plena de ridoj kaj ĝojkrioj.

4) **<u>Ni Desegnu Portreton de Zamenhof (Portreto)</u>**
10h40-12h10, ĉ. 30 / Prezidis kaj raportis s-ro HO Song:
La partoprenintoj unue lernis pri la proporcio de la homa vizaĝo por povi portreti Zamenhof dum mallonga tempo 90 minutoj. La instruisto, korea artisto HO Song, donace disdonis al la partoprenintoj la necesajn materialojn, nome, fotojn de Zamenhof, paperon, branĉetan karbon, sekigilon por komuna uzo. Poste oni provis memdesegni, kaj la instruisto rapide vizitadis ĉiun por konsili kaj helpi, foje eĉ memdesegnkorekti. Ĉiuj kun ĝojo finis la programeron, kaj memorfotis, plejparte da homoj atente konservis la verkon porti hejmen. La memorfotojn oni povas trovi en amaskomunikaj retejoj.

5) **<u>Paroliga kurso 2</u>** 10h40-12h10, ĉ.20 / S-ro USUI Hiroyuki gvidis. Vidu la raporton pri "Paroliga kurso 1" en la 26-a.

2. **<u>Fermo</u>** La 28-a, 14h00-15h30
Prezidis d-ro SO Jinsu, interpretis s-ino Trang Thi Hoan.
D-ro So Jinsu salutis kun resumo kaj prezentis podianojn inkluzive de honoraj gastoj. S-ro Inumaru raportetis pri programo kaj sekvis aplaŭdo al la prelegintoj kaj la gvidantoj. S-ro Enkhee raprotetis pri statistiko. Stariĝis ĉeestantoj laŭ landoj. D-ro So Jinsu menciis proponitan konsiston de nova estraro de KAEM kaj reprezentante s-ino Nguyen Thi Phuong Mai salutis. Li anoncis decidon de la 10-a Azia-Oceania Kongreso el du kandidatoj, Nepalo kaj Koreio. Findecido estas Koreio en 2022. Sekvis dank-paroladoj de la prezidantoj de KAEM kaj de LKK, d-ro So Jinsu kaj s-ro Nguyen Van Loi. D-ro So Jinsu esprimis specialan dankon al Urbo Danang, VUAO

kaj DUAO. Sekvis interŝanĝo de donacoj inter KAEM kaj DUAO. Esprimiĝis ankaŭ danko al LKK-anoj kun transdono de floroj de landaj reprezentantoj kaj danko al volontuloj kaj iliaj gvidantoj kun transdono de floroj de junaj kongresanoj. Danko por la fotisto. Flago transdoniĝis de LKK de la 9a al s-ino Li Hyon-Suk el la kongres-lando de la 10a. Vjenama grupo kantis la kanton ”Grandigu Nian Rondon”. Sekvis deklaro de la fermo de la kongreso.

## Ekskursoj

La kongresanoj ĝuis la elektitajn vidindaĵojn en Danang kaj najbaraj urboj antaŭ-, dum-(duontaga, tuttaga) kaj post-kongresaj.

| kodo | dato | vizitlokoj | ĉe-estis | ĉiĉerono |
|---|---|---|---|---|
| A1 | 24-25/04 | Hue (2-taga ekskurso) | 8 | Nguyen Van Ha |
| T1 | 25/04 | Ba Na Monteto | 21 | Nguyen Thi Nhan |
| T2 | 25/04 | Hue | 15 | Bui Hai Mung |
| D1 | 26/04 | Kokoso-arbaro kaj Hoi An malnova urbo | 14 | Nguyen Thi Nep |
| D2 | 26/04 | My Son Sanktejo | 15 | Bui Hai Mung |
| T1 | 28/04 | Ba Na Monteto | 17 | Bui Hai Mung |
| D1 | 28/04 | Kokoso-arbaro kaj Hoi An malnova urbo | 24 | Le Trong Khanh |
| P1 | 28-31/04 | Ho-Chi-Minh kaj ĉirkaŭaĵo (4-tagoj ka j3-noktoj) | 10 | Sen esperantista ĉiĉerono |
| P2 | 29-30/04 | Hue (2-taga ekskurso) (sama kiel A1) | 9 | Nguyen Van Ha |

* ekskurso: A=antaŭ-kongresa, T=tuttaga, D=duontaga, P=post-kongresa

## Demandoj pri nia movado

Prezentiĝas demandoj kaj respondoj en la movada kunsido dum la 9-a Azia-Oceania Kongreso.

### 1. Kio estas la plej malfacila en la movado de via lando?

Progresigo de ellernintoj de la enkonduka kurso. Multaj ĉesis plu lerni post la kurso. (s-ino Chen Li-ru / Tajvano), Malmultiĝo de membreco (s-ro Suzuki /Japanio), Trovi efikan motivon de movado post la tri-landa kongreso (s-ino Ilia Sumilfia Dewi /Indonezio), Nesufiĉa kompreno de UEA, KAEM kaj registaraj instancoj pri la movado (s-ro Chol Nth Pokharel /Nepalo), Esperanto ne donas

ŝancon de eklaboro; tia manko de socia utileco por inviduoj (s-ino Tran Thi Hoan /Vjetamio), Kapitalo kaj homaj rilatoj (s-ro So Jinsu /Koreio)

**2. Pri vjetnama movado: kiel VEA sukcesis allogi junulojn al esperanta movado kaj kial en Vjetnamio virinoj superas virojn en nombro?**

1) Rekta kontakto inter junuloj estas grava. En Vjetnamio ofte okazas jenaj renkontiĝoj: Printempa Renkontiĝo, Somera Renkontiĝo, Zamenhof-Tago, Esperanto-Tago.
2) Virinoj ŝatas lingvojn pli ol viroj.

**3. Indonezio fariĝas pli kaj pli grava pro sia granda loĝantaro kaj ekonomia kresko ankaŭ en movada vidpunkto. Tie troviĝas multaj lingvoj kaj la indonezia lingvo estas kvazaŭ Esperanto sialanda.**

Mi dankas s-ron Isino Yosio, kiu notis la diskuton kaj post la kunsido akiri pli da informoj.

Post la kunsido ni ricevis jenan klarigon de s-ino Ilia Sumifia Dewi pri Indonezio:

Rilate al la demando de s-ro Nagase Yosikatu, mi konsentas ke indonezia lingvo funkcias simile kiel Esperanto. Mia lando konsistas de multaj etnaj grupoj ĉirkaŭ 714 etnoj kiuj ankaŭ havas diversajn kulturajn, tradiciajn kaj etnajn lingvojn ĉirkaŭ 1,100 lingvoj. Tial la fondintoj de Indonezio interkonsentis por akcepti unu lingvon, indonezia kiu originale disvolviĝis de malaja lingvo. Do, ekde 1928 la popoloj komencis uzi la lingvon kaj ĝi evoluas nun al la nuna skribmaniero kiu plejparte ne plu similas kiel malaja lingvo.

Por disvastigi Esperanton kaj ĝiajn ideojn, mi kaj aliaj aktivuloj provas klarigi la funkcion de Esperanto kiel indonezia lingvo. Ĝi ne estas nur lingvo sed ĝi funkcias kiel pontlingvo inter individuoj el diversaj landoj. Esperanto helpas la homojn por forigi la lingvan barilon, ĉar ĝi estas relative facila ol aliaj fremdaj lingvoj.

Sed mi spertas dum la aktivado en indonezia movado, ankoraŭ malmulte da indonezianoj kiuj interesiĝas lerni Esperanton. La kialo por kelkaj, ili preferas lerni iun fremdan lingvon kiu donas avantaĝon al siaj kariero, studo, ktp aŭ ili ne komprenas pri praktikaj aferoj uzante Esperanton.

Aliaj ankoraŭ ne facile kaptas la ideojn de Esperanto rilate al la monda amikeco, interkompreniĝo, lingva problemo kaj tiel plu.

Mi tamen konsideras ke la defioj ekzistas ne por malhelpi la disvastigon de Esperanto.

Tial mi daŭre havas motivon kaj kuraĝon por disvastigi la belecon de nia lingvo al miaj samlandanoj.

(Inumaru Fumio tra helpo de s-ro Isino Yosio)

**Filmoj pri la AOK-9**

- Ceremonioj kaj programeroj: https://youtu.be/1U1y7Vau2Ck
- Vesperoj kaj akceptoj: https://youtu.be/7oTQdHIlWYs

(la raportoj pri AOK-9 preparita de s-ro INUMARU Fumio.)

---

**■Prelego laŭ la kongresa temo** la 26an de aprilo 2019

"Esperanto kaj kulturaj diversecoj de Azio kaj Oceanio"

La sekvanta eseo estas modifita de la preleganto mem. Kaj la originala video spekteblas ĉe la retejo: https://www.youtube.com/watch?v=wejfeo8exfU

---

# Esperanto kiel pensilo pri kultura diverseco

d-ro A. Giridhar RAO
(Universitato Azim Premji, Bengaluro, Barato)

La temo de kultura diverseco gravas pro du ĉefaj kialoj: la unua, ekonomia, kaj la dua, politika. Ekonomie, ni loĝas en tutmondiĝanta mondo kiu volas, ke ni ĉiuj manĝu same, portu la samajn vestaĵojn, havu la samajn valorojn, kaj konsumu la samajn varojn – unuvorte, ni ĉiuj vivu same. Indas rezisti tion ĉar nia homeco kuŝas almenaŭ parte en nia diverseco – “ne samas la kvin fingroj,” kiel diras proverbo hindia.

Aliflanke estas la politika tendenco nuntempa bari la vojon al fremduloj, enmigrantoj, rifuĝintoj – alivorte, starigi murojn kontraŭ la “ne-nianoj”. Sur planedo kun tiom da homoj, kaj en civilizacio kun

tiom da ligoj inter homgrupoj, necesas paca kunekzistado; ni daŭre kultivu la arton kunvivi kun diverseco. Ni argumentas, ke Esperanto – kaj la lingvo kaj la idearo – proponas bonajn rimedojn por pensi pri kaj agadi por kultura diverseco en nia mondo.

La argumento de la eseo estas en du partoj. En la unua parto ni parolos pri Esperanto kiel rimedo por konsciigi la eksteran mondon pri la kultura diverseco en niaj landoj. La dua parto de la eseo traktos Esperanton kiel ilon por pensi ene de niaj landoj pri la kultura diverseco.

Eksterlande. Tipe, en ĉiu lando, turismaj instancoj de la registaro jam produktas diversajn materialojn pri la allogeco de la lando. Abundas retejoj, libroj, dokumentoj, broŝuroj kaj afiŝoj pri vizitendaj lokoj kaj la vidindaĵoj kaj ĝuindaĵoj tieaj. Aldone estas amaso da private produktita materialo. Ni ja uzu tiujn (ofte altkvalitajn) materialojn, kaj eventuale esperantigu ilin. Tamen, ni esperantistoj povas kontribui ankaŭ alimaniere. Al niaj geamikoj el la Esperantujo, ni montras niajn ĉiutagajn vivojn – kion ni manĝas, kiel ni vestas nin, kiajn geamikojn ni havas; sume, niajn ordinarajn vivritmojn.

Ĝuste tial valoras kultivi kaj pligrandigi niajn amikec-retojn kiel Pasportan Servon, kaj aliajn sociajn retojn. Valoras verki en la Vikipedio artikolojn pri malgrandaj aferoj: niaj urbetoj, lokaj manĝaĵoj kaj festoj, ekzemple – aferoj ofte neatentataj de registaraj kaj komercaj instancoj. Ankaŭ utilas produkti mallongajn video-raportojn pri aferoj lokaj kaj alŝuti ilin al, ekzemple, al la kluba kanalo surreta. Jes, notindas, ke ĉio ĉi estas agado individua ĝis klubnivela. La turismaj instancoj montras la vivon ĉe la pintoj; ni esperantistoj invitas geamikojn al la vivo en la valo!

Enlande. Esperanto rolas grave ankaŭ ene de niaj landoj. Kompreneble gravas instrui la lingvon mem; sed gravas ankaŭ la idearo de Esperanto. Mi donu la ekzemplon de la kurso “Esperanto kaj lingva demokratio” kiun mi gvidas en Universitato Azim Premji [premĝi], en Bengaluro, Barato. La celo de la kurso ne estas, ke la studentoj lernos nian lingvon. En la kurso, ni esploras diversajn aspektojn de la lingva diverseco de Barato. Esperanto estas prezentata kiel unu funkcianta modelo de strebo al lingva demokratio.

Pasintjare, ekzemple, en kurskomenca lingva enketo, ni malkovris pli ol 30 lingvonomojn inter la 45 homoj en la klasĉambro! Pripensante siajn proprajn lingvovivojn, la studentoj rimarkis la hierarkiojn en la prestiĝo de tiuj lingvoj. Post iom da esplorado, ili ekkomprenis, ke lingvoj iĝas prestiĝaj pro kialoj politikaj kaj ekonomiaj; t. e., la kialoj estas sociohistoriaj, ne lingvaj. Ĉi tiu kompreno instigis ilin repensi pri antaŭsupozoj pri la kategorioj "lingvo" kaj "dialekto". Ili jam bone sciis pri diskriminacio laŭ la aksoj de regiono, ekonomia klaso kaj, en Barato, kasto. Nun ili pensis ankaŭ pri lingvaj nejustecoj. Espereble, kiam tiuj ĉi studentoj mem ekinstruos en lernejoj, aŭ verkos studprogramojn, ili estos pli sentemaj kaj inkluzivemaj pri la kultura, aparte la lingva, diverseco de la lernontaro. Tiel, la fokuso estas ne la lingvo Esperanto mem, sed la vaste dividitaj valoroj de la Esperantujo – ekzemple tiuj kiuj troviĝas en la Praga Manifesto. Mi aldonu, ke kursofine, restas sufiĉe pozitiva impreso pri Esperanto, kaj preskaŭ ĉiuj el ili kapablas krii, "Saluton!" kaj "Ĝis revido!"

Konklude do, Esperanto ja estas valora pensilo pri la kultura diverseco. Esperanto-movadoj povas kunlabori kun jam ekzistantaj instancoj turismaj por reklami pri la landa bunteco. Sed nia forto ankaŭ estas, ke pere de nia komunikilo Esperanto, ni interŝanĝas spertojn pri niaj ordinaraj, ĉiutagaj vivoj. Ni kultivu tiujn lokajn aspektojn diversmaniere ĉe nia individua kaj kluba niveloj. Enlande gravas ja la instruado de Esperanto. Sed gravas ankaŭ la disvastigo de la valoroj de la Esperantujo – komunika justeco, lingva inkluzivemo, kaj respekto kaj festado de lingva diverseco. Ju pli ofte ni montrus tiujn valorojn des pli forta estus nia argumento por Esperanto. En mondo plene de kialoj por pesimismo, Esperanto estu inter nia rimedaro por optimismo. Kiel diras la urdua poeto Faiz Ahmed Faiz [fez]:

> "Ne senesperas la koro,
> nur senpova ĝi estas.
> Longas la nokto de l'tristo,
> sed nur nokto ĝi estas."

(d-ro A. Giridhar RAO: rao.giridhar@apu.edu.in)

## Raporto pri la 37-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj




La 37-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj estis organizita de Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) de la 29-a aprilo ĝis la 3a de majo 2019 en la "ejo de Dananga Unio de Amikecaj Organizoj" en Danang, Vjetnamio. Ĝi estas la tria KS en Vjetnamio; en 2010 la 29-a KS estis okazigita en Hanojo por la unua fojo en Vjetnamio kiel "la unua ekstra KS", ĉar tiam VEJO ankoraŭ ne estis oficiala membro de organizantaro de KS, kaj en 2014 la 33-an KS-n oficiale organizis VEJO en Ho-Ĉi-Min-Urbo. Kaj ĉi-jare 31 junuloj el 11 landoj plene ĝuis la junecan etoson kaj pruvis ke nia lingvo vere utilas por internacia amikeco. Jen sekvos la pruva rakonto. (Kaŭa)

# Kiom ofte vi amas la mondon?

Vic-prezidanto de VEJO, s-ino Hoan Tran (Ĝojo)

Kio estas via respondo? Strange, ĉu ne? Verdire, mi preskaŭ neniam demandis iun tiel kaj ankaŭ ege malofte aŭdas tiun demandon. Tamen, dum la 37-a Komuna Seminario okazigita en la urbo Danang, Vjetnamio aprile, ni hazarde aŭdis diron kiu povas esti respondo al tiu demando kaj ĝi fariĝis unu el fenomenoj de la evento. Jes, mi ne ŝercas, ne unufojon sed plurfojojn okazis dum kvar tagoj de ĉi-jara KS. Kompreneble, mi rakontos ilin al vi. Paciencu kaj legu mian longan raporton!

Unue, mi ne forgesu tradicion, nepre sciigu al vi statistikon de la evento: ĉeestis 31 junuloj el 11 landoj. Bedaŭrinde, la nombro ne donis al ni ŝancon esti rimarkinda grupo surstrate de Danang kaj kapti atenton de lokuloj, sed tiom kun diversa konsisto el Afriko, Azio, Eŭropo ja sufiĉas por almenaŭ krei sekretan grupon de esperantistoj por festumo kaj amuziĝo.

Dum du unuaj tagoj, okazis Interkona Vespero kaj Ekskurso al Vinpearl Nam Hoian. Mi dirus, ke aferoj sufiĉe milde iris se ne mencius kelkajn akrajn kriojn de la knabinoj ludantaj danĝerajn ludojn dum la ekskurso. Nun mi scias kun kiuj mi ne sidu por

protekti miajn orelojn se ili ludas tiajn ludojn. Interkona Vespero donis ĝojplenan etoson kun amuzaj ludoj. Danke al ili, ni sciiĝis, ke multaj el ni ofte eĉ tre ofte forgesas akuzativon. Mi neatendite fariĝis detektivo eltrovi mankon de akuzativo en ĉiuj mesaĝoj en nia Fejsbuka babilejo. Estas amuze, ke tie aperis kelkaj karesaj nomoj post KS, ekzemple "Ĵaz ĉiam forgesas akuzativon", "Ĉu Ĵaz memoras akuzativon hodiaŭ?". Krome, la Interkona Vespero malkovris esperantistojn kiuj ronkas kaj tio rezultas en debato trovi kiu ronkis hieraŭnokte. Ni dormis en amasloĝejo kaj nokte aŭdiĝis ĥoro de ronko. Ankaŭ post la Interkona ludo, Sergio (esperantisto el Kongolando) povis certiĝi ke li ne estas vegetarano, sed ĉiomanĝanto.

Por sekvantaj tagoj, por krei diversecon en la programo, ni strebis havi kaj formalajn programerojn: t.e. Malfermo, AMO-trejnado, diskuto pri seminaria temo, Kunsido pri Azia Junulara Movado matene kaj amuzaj konkursoj posttagmeze. Antaŭvidite ne aperis fenomeno en seriozaj diskutoj, sed informoj pri stato de Esperanto-Movado en aziaj landoj, kaj eĉ en ekster-aziaj landoj estas tre utilaj kaj ankaŭ ni ĝojis aŭskulti novaĵojn kaj progresojn de agado en tiuj landoj: Fondiĝis Esperanto-Societo en la universitato de Filipino kaj naskiĝis novaj esperantistoj en Kantono, unu el kiuj ni sukcesis gastigi en ĉi-KS.

Pasis kapdoloraj momentoj en diskutgrupo pri medio-protekto (tio estas ĉeftemo de KS) kaj "Movado", ni kune amuziĝis posttagmeze, vespere eĉ nokte. Kaj tiam veraj fenomenoj aperiĝis. Dum la konkurso "S-ro Esperantisto" ni elfosis ne nur Sinjoron Esperantiston, sed ankaŭ Sinjoron Bo-patro-Esperantiston kiu sin montris eventuale kiel la plej striktan bo-patron en la mondo. Kandidatoj por la titolo "S-ro Esperanto" devis solvi tiklajn demandojn por edziĝi kun lia filino kaj konvinki lin ke esperantistoj estas, kvankam drinkemaj kaj vojaĝemaj, sed bonaj personoj por edziĝo. Per siaj talentoj kaj humuroj, la bo-patro kaj bo-filoj donis al ĉeestintoj tre amuzajn momentojn. Se vi ŝatus edziĝi sed alfronti malfacilan bo-patron, kontaktu Bo-patro-Esperantiston, li estas bona trejnisto por vi.


Sinjoro Esperantisto kaj Bopatro-Esperantisto en la konkurso-ludo

Estas manko se ne mencii la nomon “Ĝenĥui”. Temas pri ĉina esperantisto

kun frizita hararo kaj ankaŭ bombo dum ĉi-jara KS. Kiam ni pensis, ke ĉiuj oficialaj programeroj jam finiĝis, do sidis ripozante en nia hazarda gufujo en la gastejo, de nenie aperis maldikega knabo kun hele frizita hararo. Li simple staris ĉe flanko de nia tablo, senĉese parolis pri banalaĵoj "kiom da katoj li havas", "bongusta akvo", kaj fojfoje aldonis ke li fojfoje amas la mondon. Danke al li ni ĉiuj havis stomakdoloron pro ridego kaj restis vekaj ĝis 3-a matene. Lia influo ankoraŭ restis eĉ post KS, ĉar ĉie en ĉiuj fotoj aperis lia strange amuza vizaĝo, kaj en preskaŭ ĉiuj ne formalaj rakontoj kaj formalaj raportoj pri KS, aperis lia nomo aŭ aldoniĝis versio de lia fama diro "mi fojfoje amas la mondon". Hazarde ni trovis komedianon por KS.

Ŝajnas ke mi estas sufiĉe rakontema kaj supre estas menciita ĉefe amuzaĵoj. Laŭ mia vido ili estas faktoroj kiuj igis KS-n tiom ĝojplena, ĝuinda; alproksimigis korojn de ĉeestintoj kaj ankoraŭ restas en nia koro eĉ post KS. Pro tio, mi taksas, ke krei amikecan etoson kaj komunan ejon por junuloj amuziĝo estas sukceso de ĉi-jara KS. La evento vere helpis doni bonan impreson pri Esperantujo sur komencantoj. Aldone, ni ne nur sukcesis venigi komencantojn, sed ankaŭ kuraĝigis ilin partopreni en diversaj programeroj. Sen timo pri lingva scipovo, ili konkursis en la konkursoj "Perfekta Paro" kaj "S-ro Esperantisto". Zhonglin, ĉina esperantisto, kuraĝe prelegis pri diabeto kvankam li eklernis Esperanton antaŭ tri monatoj per Duolingo. Mi taksas lin kiel "serioza fenomeno" apud Ĝenhui.

Alia pluso de la aranĝo estas elekto de temo. La temo de ĉi-jara KS estas "Man-en-man' protektu marmedion". Ĝi tuŝas komunan problemon de nia socio, kio ebligis al KS-partoprenantoj libere esprimi siajn opiniojn, ideojn kaj diskuti eblajn solvojn. Krom tio, KS-anoj vere atentis pri purigado kaj uzo de plastaĵoj dum la seminario en Danang. Tiu bona signo kaj ekzemplo ke esperantistoj pli kaj pli ofte uzas Esperanton por montri sian prizorgon pri pli praktikaj temoj kaj aferoj.

En KS 2019, ni ankoraŭ ne sukcesis havi pli egalan kvanton de partoprenantoj de la kvar ĉefaj gastigantaj landoj. Pro diferenco en feriaj tagoj kaj distance, do malmultis junuloj el Koreio kaj Japanio. Estas malfacile por trovi kontentigan solvon, sed vere indas pripensi pri Informado kaj propagando por allogi junulojn kaj kuraĝigi ilian partoprenon. Aldone, temas pri eta afero, sed mi esperas, ke la kanto de Komuna Seminario estos ludota en la Malfermo de KS-38 en Koreio 2020, kion ni ne sukcesis havi por ĉi-foje.

Finfine, revenu al nia demando "Kiom ofte vi amas la mondon"? Ĉu vi jam havas respondon? Gardu ĝin por vi mem, ankaŭ mi ne ĉi-tie malkaŝas, sed mi dirus, ke danke al KS mi sentas ĝoja kaj feliĉa esti inter junaj esperantistoj kaj pli amas la mondon. Povas esti ofte aŭ malofte, sed gravas ke vi daŭre, ankoraŭ amas. Kaj mi scias manieron por ke via amo plimultiĝas kaj plioftas. Partoprenu en la ĝuinda kaj ĝojplena evento Komuna Seminario! Tamen, mi dubas, ke Ĝenĥui ŝanĝos sian diron.

- Rakontas Hoan Tran (Ĝojo) –

AOK-9 k. KS-37

# Filipinaj Junuloj

## Partoprenis en la 9a Azia-Oceania Kongreso kaj la 37-a Komuna Seminario

Albert Stalin Garrido




Historion faris la filipina esperantista komunumo kiam 4-kapa delegacio sukcesis partopreni en la 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (AOK) kaj la 37a Komuna Seminario de Orientaziaj Esperantistoj (KS) en Da Nang, Vjetnamio. Temas pri rekorde granda nombro da filipinaj esperantistoj kiuj ĉeestis en internaciaj aranĝoj.

Kvar estraranoj de la Esperanto-Societo de la Universitato de Filipinoj, alinome "UP Esperanto-Societo", nome Albert Stalin Garrido, Jennilyn Galang, Anne Frances Calceta kaj Carl Dizon kune vojaĝis al Da Nang por kapti neoftan oportunon konatiĝi kun aliaj esperantistoj en Azio. Por Galang kaj Calceta, estis ilia unua eksterlanda vojaĝo. La delegacio intencis partopreni precipe la KS-on, sed ankaŭ povis kapti la lastan tagon de la AOK, ĉe kiu Garrido, kiu jam antaŭe partoprenis internaciajn aranĝojn, prezentis la aliajn tri, ĉiujn unuafojulojn, al esperantistoj de Japanio, Indonezio, Sudkoreio, Nepalo, ktp. Tiam la internacia komunumo ĝenerale pozitive reagis, varme bonvenigante kaj vigle babilante kun la tri novaj vizaĝoj, du el kiuj estis komencantoj. La delegacio ankaŭ

kunsidis kun aktivuloj de la indonezia junulara movado kaj kun s-ro So Jin-su, eksprezidanto de KAOEM.

La delegacio poste ĉeestis la KS-on laŭplane, kun kiu ili konatiĝis kaj interagadis kun junuloj el Vjetnamio, Tajlando, Rusio, Ĉinio, Irano, Sudkoreio ktp. Calceta kaj Dizon kontribuis al la Internacia Vespero per bele kanti kelkajn filipinajn kantojn tradukitajn en Esperanton. Garrido, kiu estis nomumita pli frue ĉi-jare kiel la komisiito pri landa agado en Azio de TEJO, kunsidis kun aliaj landaj reprezentantoj. La delegacio ankaŭ partoprenis en dumkongresa ekskurso en Hoi An, kaj postkongrese vojaĝis al Hanojo por turismo.

Laŭ Galang, kare konataj al ŝiaj novaj konatoj kiel “Jenny”, resumante siajn impresojn, diris ke ŝi ege ĝojas ke ŝi decidis iri por partopreni la aranĝon, pro kio ŝi multe pli bone ekkomprenis kiel funkcias la internacia komunumo, pri kiu ŝi antaŭe ne havis tute klaran bildon. Kvankam ŝi tiam estis komencanto, kaj eĉ devis ofte paroli en la angla kun la aliaj partoprenantoj, ŝi apenaŭ sentis sin eksterulo ĉar ili bonvolis ankaŭ paroli angle dum ili paciencis instrui al ŝi pli da Esperanto kaj klarigis multajn aferojn, krom vigle interagi kun ŝi tra la tuta evento. Ŝi ankaŭ diris, ke la sperto entute motivis al ŝi daŭre lerni la lingvon kaj aktivi en la loka movado, esperante baldaŭ vojaĝi denove por partopreni sian duan internacian aranĝon.

En UP Esperanto-Societo, Garrido estas la prezidanto, Galang la vicprezidantino kaj direktorino pri varbado, Calceta la direktorino pri informado, kaj Dizon la direktoro pri edukado. Galang unuafoje lernis la lingvon en 2017, dum Dizon kaj Calceta en 2015 kaj 2018, respektive. La lastaj du grandparte kunlaboris por produkti kaj la esperantlingvajn podkastojn de UP Esperanto-Societo, ankaŭ unu el la lastatempaj trarompoj de la filipina movado. La Esperanto-Societo estis fondita en julio 2018 kaj estas la unua kaj sola studenta Esperanto-klubo en la lando.

La vojaĝo ankaŭ servis kiel esplorvizito, pro kio jam ekestis planoj por organizi la unuan junularan Esperanto-kongreson en Filipinoj en la jaro 2020. La kvar esperas, ke tiam estos la vico de esperantistoj de aliaj aziaj landoj viziti Filipinojn por partopreni la planatan aranĝon kaj kuraĝigi la kreskon de la loka komunumo, krom mem ĝui la turismajn kaj kulturajn heredaĵojn de la lando.

(Albert Stalin Garrido)

**Landaj agadoj** estu ekde tiu ĉi numero metitaj laŭvice de okcidento aŭ de oriento por faciligi al la legantoj imagi la mapon de nia movado, kaj en la venonta numero Orienta Azio venu la unua. La renversita bildo povus alporti al ni inspiretojn por la movado. (Kaŭa)



## Irano

### Raporto pri Irana E-agadoj de 2019:

- La 12-a MezOrienta kaj NordAfrika (MONA) kunveno de Esperanto okazis en Kaŝano, Irano , de la 28-a ĝis la 31-a de Marto 2019






La lernolibro "Rekta metodo" de s-ro Stano Marchek tradukiĝis en kurdan lingvon per Irana esperantisto s-ino Shler Karimi

- La nova komitato kaj estraro de IREA elektiĝis.
- Plani por norma Esperanto-instrua metodo de IREA kaj produkti kaj uzi taŭgajn edukajn materialojn




- Reklami kaj informi pri Esperanto ĉe virtualaj retoj.
- daŭrigi la monatajn prelegojn ĉe la IREA-oficejo.




- S-ino Simin Emrani kunordigante SAT- Amikaron ricevis permeson reeldoni la lernolibron "Nova JUNULKURSO" en Irano per Irana Esperantista Junulara Organizo( IREJO)

-Plani por ĉi-jara Nacia Junulara Kongreso ĉe la Tabriz-urbo

- Daŭrigi Esperanto-kurson ĉe E-klubo de Universitato Allame Tabataba'i.

- Plani por Irana Esperanto-podkasto.



(raportas: s-ro Hamid Babadi Akasheh)



## Barato

**Esperanto-Agado en Barato inter Julio 2018 kaj Junio 2019 –** Raporto por KAOEM

Jen la agado en Barato sub diversaj rubrikoj:

**A. Landa kaj movada agadoj**

1. Barata Esperanto-Kongreso, BEK 18 (nova Estraro kaj Komitato ekde Decembro 2018)
2. Vigla landa vacapa (WhatsApp) grupo, Barataj Esperantistoj (107 aliĝintoj)
3. Bengaluraj Esperanto-Renkontiĝoj (BERoj) - 7 renkontiĝoj
4. Tradukis artikolojn por Unesko-Kuriero (Ranga)
5. Prezidis la Akademion de Esperanto (Dasgupta)
6. Voĉlegis artikolojn por Revuo Esperanto (Rao)
7. Klubagado en Universitato Azim Premji, Bengaluro
8. Eldonis kaj elmontris afiŝojn en 2018 and 2019 en diversaj barataj lingvoj por Esperanto-Tago (Upadhyaya kaj Rao)

**B. Instruado**

1. Kursoj en Mumbajo, Puneo, Bengaluro kaj Kolkato (Dharwadkar, Salam, Siva, Rao, kaj Ghosh)
2. AMO-seminario (Aktivula Maturigo) en Puneo (Sloper)

3. La kurso en Kolkato uzis lernomaterialojn kiu estis loke prilaborita (Ghosh)

**C. Disvastigo**
1. Esperanto Barato -- FEB-Kanalo en YouTube (Siva)
2. Prelegoj pri Esperanto en Bengaluro, Majsuro, Hajderabado, Ĝajpuro (Rao)
3. TEDx prelego pri Esperanto (Rao)
4. Blogis anglalingve pri lingvo, edukado kaj Esperanto ĉe Bolii (Rao)
5. Eseoj pri Esperanto en la angla kaj la bengala (Dasgupta)

**Ĉ. Kultura agado**
1. Tradukis Eo-rakonton en la teluguan (Ranga)
2. Video-prelegis dum la 9a Azia Kongreso en Vjetnamio (Rao)
3. Artikolo en Esperanto en Azio (Rao)
4. Artikoloj en la Eo-Vikipedio (Snehaja, Nikhil kaj Rao)
5. Blogis Esperante ĉe Lingvo kaj vivo (Rao)
6. Artikoloj en la retejo UEA Facila (Nikhil)
7. Recenzaj eseoj en Beletra Almanako (Dasgupta)
8. Libroĉapitro en la bengala pri Interlingvistiko kaj Esperanto (Dasgupta)

(raportas: d-ro Giridhar RAO, Komitatano de FEB / Federacio Esperanto de Barato)



## Tajlando



### 1. Bangkoka Esperanto-Klubo "Verda Elefanto"


La unua kunsido en la universitato Srinakharinirot, la 9-an de aprilo 2016

Bangkoka Esperanto-Klubo "Verda Elefanto" estas klubo fondita en aprilo 2016 kun interkonsentoj de 3 junaj esperantistoj (Warut Bunprasert, Wongsakorn Teerakanok (nuntempe studas en Anglio), Thanat Thiangtham (malaperis el la agado) kaj kun konsilo de japana esperantsito tiam loĝanta en Bangkoko s-ro Tanaka Kazuki (Kampo). La klubo estis fondita post

malfondo de la Esperanto- Grupo en SWU (la Esperanto-klubo en la Universitato Srinakharinwirot, Bangkoko)

## 2. Agad-plano

- Organizi monatan renkontiĝon
- Organizi Esperanto-Kurson

**Facebook-paĝo**: ชมรมภาษาเอสเปรันโตกรุงเทพ Verda Elefanto
Retejo de la klubo: https://sites.google.com/site/verdaelefanto/

En Aŭgusto 2018 ni starigis la unuan simplan retan bultenon. Reta Bulteno: https://sites.google.com/site/verdaelefanto/bulteno ĉiumonate aperas!

En aprilo 2018 eldoniĝis Esperanto-Taja Vortareto (1717 kapvortoj), kiun Kompilis Warut Bunprasert kaj kontrolis Françoise Noireau (franco), Rikardo Cash (usonano) kaj Antonio Valen (hispano)






Esperanto-kurso en ĝi instruis Ĵaz (januaro 2018)



Esperanto-kurso en ĝi instuis germana esperantistino (februaro 2019)




4-foja Esperanto-Kurso en majo 2019, en kiu instruis Ĵaz



De maldekstre: Renkontiĝo (marto 2019) / Renkontiĝo kun indonezia e-isto, Arya, en Bangkoko (majo 2019) / Bangkokaj e-stoj renkontiĝis kun hungara e-isto Tony László loĝanta en Japanio (majo 2019)

Nun oni povas legi pri la mallonga historio de Esperanto-movado en Tajlando en Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Esperanto-movado_en_Tajlando

(raportas: s-ro Warut Bunprasert )

## Vjetnamio

**RAPORTO 2018-2019 de Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA)**

### 1. Organizo

Kiel ĉiuj vjetnamaj ŝtataj asocioj, Esperanto-Asocioj en Vjetnamio okazigas kongreson ĉiukvinjare ĉefe por elekti novan estraron. En la jaro 2018, VEA organizis la 6-an kongreson en decembro, oficperiodo 2018 – 2023. VEJO ankaŭ okazigis la 6-an Kongreson aprile 2018. Ĉi-jare 2019, Esperanto-Asocio en urbo Hoĉiminh havos oficmandatan kongreson.

### 2. Agadoj

- Esperanto-movado en Vjetnamio plidisvolviĝas dank'al la 9-a AK: Aliĝis multaj novaj membroj, novaj Esperanto-kursoj por komencantoj en Hanojo kaj Urbo Hoĉiminh malfermiĝis, sukcesis organizi kurson por volontuloj de la kongreso. Direble, ke dank'al diversaj eventoj internaciaj, Movado en Vjetnamio multe kreskiĝas.
- Daŭrigis la aktivecon de la subaj organizoj:
+ En Urbo Hochiminh: retpaĝo por novaj lernantoj bone funkcias.
+ En Hanojo: La movado refloras. Multaj interesaj, novaj agadoj kun abunda programo unuafoje okazis en Hanoja Asocio: La 1-a Kant'-Danc'-Festivalo (temo de 2018: bonveniganta la 9-an AK-n);

Zamenhof-tago; Printempa Renkontiĝo; estrara renkontiĝo en malferma etoso, aliaj kunvenoj/renkontiĝoj de societoj, novaj kursoj, ktp. ĉiuj okazis en freŝa maniero. Tio ĝojigis, varmigis, entuziasmigis ĉiujn ĉeestantojn kaj eltiris intereson de multaj neesperantistoj, speciale junuloj. Popola Komitato de Hanojo kaj Hanoja Unio de Amikecaj Organizoj alte taksas novigitajn agadojn de Hanoja Esperanto-Asocio.

+ VEJO: disvolvigas internan forton kun organizado de la 37-a KS.

**3. Reklamo por Esperanto, preparado por la 9-a Azia-Oceania Kongreso kaj la 37-a KS**

Por vaste propagandis pri Azia-Oceania Kongreso, Esperanto-movado kaj Danang, Vjetnamio:

- Partoprenis al esperantaj aranĝoj: partoprenis en la 2-a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio, Lisbona UK;
- Invitis internaciajn amikojn kaj neesperantistojn al enlandaj eventoj: 1-a Kant'-Danc'-Festivalo, Zamenhof-Tago, Printempa Renkontiĝo.
- Ĉiam varme bonvenigis amikojn vizitantajn nian landon,
- Kuraĝigis vjetnamojn lerni Esperanton, partoprenis al la kongreso.
- Preparis filmeton por televido-elsendo en urbo Danang
- Kunlaboris regule, detale kun DUAO (Dananga Unio de Amikecaj Organizoj) kaj VUAO (Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj) kaj KAEM pri kongreso.
- Ĉeestis en neesperantaj kunvenoj propagandi pri Esperanto.

**4. Tradukado – Eldonado**

Eldonis librojn bonvenigantajn la 9-an AK-n:

+ Vortaro de proverbaro en 4 lingvoj: Esperanto – angla – franca – vjetnama:

+Vjetnama Antologio en Esperanto

**5. Plano:**

Multaj novaj agadoj okaziĝos celante eltiri intereson de esperantistoj kaj neesperantistoj al la Movado.

- E-societoj, kluboj kunvenas regule, ĉiumonate.
- Malfermi "Hanoja Esperanto-kulturcentro"-n.

- Okazigi la 2-an Kant'-Danc'-Festivalon en Oktobro kun temo: Hanojo-Urbo por Paco
- Zamenhof-Tago, Printempa renkontiĝo, Soren (Somera Renkontiĝo) kun nova enhavo/temo.
- Partopreni al Junulara Renkontiĝo de Sud-Orienta Azio

(raportas: s-ino Nguyen Thi Phuong Mai)

## Indonezio

### Raporto de Indonezia Esperanto-Asocio (IEA)

### Realigitaj agadoj (Januaro - Junio 2019)

**1. Baza kaj Meza Kursoj de Esperanto (Januaro ĝis Majo 2019)**

Ekde januaro 2019, IEA malfermis la kurson de Esperanto por komencanto kaj progresanto. Aliĝis 5 personoj kiuj havas malsimilan nivelon. La kursanoj uzas la librojn de "Esperanto per la Rekta Metodo" en Indonezia lingvo kaj "Kunci" (la Ŝlosilo). Ilia gvidas la kursanojn unu fojon monate en la kurskunveno kaj ankaŭ utiligas la apon "Whatsapp" ĉiutage por paroligi kaj praktiki Esperanton.

**2. La 9a Azia-Oceania Kongreso en Danang, Vjetnamio**

En la lasta Azia-Oceania Kongreso partoprenis ses indonezianojn. Du junulinoj partoprenis la unuan fojon de kongreso eksterlande. Tial ili iom surpriziĝis tamen ili ĝojis por la nova sperto. La reprezentanto de IEA, Ilia Sumilfia Dewi havis ŝancon saluti la kongresanojn sur la podio nome de indoneziaj esperantistoj dum la malferma ceremonio. Ŝi ankaŭ ĉeestis en la ferma kunsido de KAOEM kiel la komisiono kaj en la publika kunsido por raporti la realigitajn agadojn de asocio. En la ceremonio de arbo-plantado, la reprezentanto de IEA ankaŭ plantis la "Seula Esperanto-Kulturcentro Zamenhofan arbon" kun aliaj kongresanoj en la junulara parko en urbo Danang. En la internacia arta vespero, du indonezianoj kontribuis programon; Ilia kiu dancis



Komuna foto post la Fermo de AOK-9

tradician dancon de Ĝakarto kaj Syaŭqi Ahmad kiu legis la tradukan poemon de Zamenhof al 'Sunda lingvo'.

### 3. Regula kunveno de IEA en junio.

En la 16a de junio okazis la regula kunveno por la membroj de IEA kaj la novuloj. Partoprenis 7 homoj de 10 kiuj aliĝis. En la komenco, Ilia (prezidanto de IEA) prezentis la novajn membrojn kiuj ankaŭ loĝas ekster la urbo, Ĝakarto. Poste, la partoprenantoj grupiĝis por la kurso de baza kaj meznivela. Ili lernis la gramatikaĵon kaj praktikis la paroladon en la paroliga sesio. En sekva sesio, unu de partoprenantoj pretigis sin por prelegi pri Esperanta projekto. En la lasta sesio, ĉiuj amuziĝis per ludoj kaj iu kiu venkis gajnis la premion. Antaŭ la fino, ni faris komunan foton kiel belan memoraĵon.



Komuna foto post la Kunveno

## Planitaj Agadoj

### 1. Enkonduko de Esperanto en la vojaĝanta komunumo, "Couchsurfing" Ĝakarto.

Ni planos por fari Esperanto-enkondukon en la vojaĝanta komunumo, Couchsurfing-Ĝakarto en Aŭgusto 2019. Ni antaŭe planis en la komenco de junio, sed ĝi devas esti prokrastita pro la neatendita afero.

### 2. E-kampanjo en la Esperanto-Tago en Julio 2019

Je la 21a de julio, ni planos la E-kampanjon en publika parko aŭ en la alia komunumo. La agado celas diskonigi Esperanton al la neesperantista publiko. Ni kreos faldfolion kaj afiŝon por reklami nian agadon kaj la asocion.

### 3. Projekto de Esperanto-Retradio komenciĝos en Aŭgusto 2019

Ni komencas serĉi la taŭgajn aparatojn kaj aĉetos ilin. Teknike, nia teamo komprenas kian aparaton ni bezonas por starigi nian retradion. La aŭskultantoj de nia retradio estos komencanto aŭ

komencinto. Pro tio nia teamo cerbumas por krei la interesan kaj utilan programon por ili.

Espereble la planoj realiĝos!

(raportas: s-ino Ilia Sumilfia Dewi)

## Orienta Timoro

### Raporteto de Teofilo el Orienta Timoro

Dum kelkaj monatoj, la plej grava programo, kiun la prezidantino de nia klubo, Lidia Conceição sukcesis organizi, estas la leciono per la radioelsendo. La radioprogramistino promesis al ni ke ŝi kreos blogon por dissendi registradojn de la programo interrete, sed ŝi atendos ĝis la fino de la programo, ĉar nia leciono ankoraŭ daŭras. Baldaŭ la programo estos publikigita rete kaj la interreta retumado de nia radioeldonado komenciĝas je la 15:30 (la horo de Orienta Timor) ĉiun sabaton ĉe:
https://tunein.com/radio/Radio-Liberdade-Dili-958-s159202/.



Radioelsendo en Esperanto,
Junuloj de Orienta Timoro

Intervujo en radio pri Esperanto



La elsendistoj estas inter aliaj Lidia Conceição, Teofilo de Jesus, Cornelio Verdial, João Araujo kaj Mateus de Sena, kiuj instruas sabate la bazajn lecionojn de Esperanto.

Estas ne multaj, kiujn ni povas fari, ĉar multaj el niaj klubmembroj havas malpli da sperto en la movado, ankaŭ ĉar plejparte estas

studentoj kiuj fokusiĝas al la verkado de siaj paperoj, kaj ĉar plej multaj el ni estas la studentoj kiuj preskaŭ finas la studon; fakte Mateus ĵus diplomiĝis ĉi-monate.

Preparita de Teofilo : teofilojosemariadejesus@gmail.com

(raportas: s-ro Teofilo Jose Maria de Jesus)

## Aŭstralio

**Julio 2018- Junio 2019**

Nia ĉefa evento estis nia ĉi-jara somerkursaro en Adelajdo dum januaro (45 partoprenantoj) . Unu el la instruistoj estis Szabolcs SZILVA el Hungario.

Ni daŭrigas niajn regulajn dusemajnajn Skype-kunvenojn (6 estraranoj) kaj ofte kun aliaj gastoj el diversaj partoj de la lando.

Nia ĉefa tasko nuntempe estas la preparado de nia venonta kongreso/somerkursaro en Aŭklando, kune kun la NZEA (Nov-Zelanda Esperanto-Asocio) en januaro 2020. La informo pri la kongreso kaj la aliĝilo troviĝas ĉe :
http://aea.esperanto.org.au/kongreso/?lang=eo

En aprilo kelkaj el ni ankaŭ kunvenis kaj klopodis iel organizi niajn arĥivojn. Roger Springer daŭrigas la eldonadon de semajna bulteno « Aŭstraliaj Esperantistoj » kun regulaj grandaj kaj malgrandaj novaĵoj.

Ni havas asociojn(grupojn) en Melburno, Sidnejo, Brisbano, Adelajdo, Perto kaj kelkaj individuoj en malgrandaj lokoj.
Plej amike,

(raportas: s-ro Sandor Horvath)

## Nov-Zelando

**Nov-Zelanda Esperanto-Asocio (NZEA)**

**Raporto pri la lastatempa agado kaj stato de nia organizaĵo.**

La membraro de NZEA en 2018 restis 30 kaj en 2019 same.

La ĉiu-jara kunsido de NZEA en 24 februaro 2018 havis nur 8 ĉeestantojn. La estraro ne ŝanĝiĝis – la samaj personoj daŭrigis en la roloj kiel en 2017.

En **Aŭklando,** la plej granda urbo, ankoraŭ funkcias Aŭklanda Esperanto-Societo kun membroj – 10. Regulaj kunvenoj okazas nur unu foje en ĉiu monato – kutime vespere la unuan merkredon - ĉe privata hejmo de la prezidanto Ivan Pivac. De tempo al tempo kunveneto per 'Skype' aranĝiĝas.

T.n. Rondo de **Velingtono** (ĉefurbo) regule kunvenas, monate. Tiu grupo – 6 anoj,

En la sud-insula urbo **Christchurch** grupeto hazarde aranĝas kunvenojn de tempo al tempo. (kiam alilandanoj vizitas)

La bona novaĵo estas, ke ek de la studjaro 2018 funkcias nova organizaĵo – la klubo ĉe Universitato de Aŭklando. Danke al entuziasmo de manpleno de junaj lertaj adeptoj, tiu klubo sukcese allogas aron (ĉ.10 personoj) al sufiĉe oftaj kunvenoj en la urbocentro kie situas la universitato. Ties (UoAEK) vigleco estas promesplena.

En 26-27 januaro 2019 okazis kontentiga ĉiujara kunsido / kongreseton de NZEA por kiu ĉeestis 18 membroj. Tiu estis semajnfina afero en la urbocentro de Velingtono. La estraro elektiĝis senŝanĝe. La programo montris i.a. ke iuj relative novaj membroj faris grandajn paŝojn al posedo de la lingvo. "Duolingo" kaj aliaj retaj rimedoj menciiĝis. Velingtonanoj preparis la eventon.

NZEA konfirmis kun AEA (Aŭstralio) ke la du landaj asocioj kunkongresos en 2020. La dato; 11-18 januaro 2020. Oni decidis, ke la kongresejo estu "St Francis Retreat Centre", en la antaŭurbo Hillsborough, Auckland. Jam tri-foje en la pasinta jardeko NZEA okazigis kongresojn tie. Tre agrable.

NZEA kune kun AEA daŭre aperigas la organon/revuon "Esperanto Sub la Suda Kruco". "ESSK" havas kvar numerojn jare. En 2018 David Ryan (Velingtono) redaktis ĝin.

La retejo: www.esperanto.org.nz ricevas freŝan aspekton – evoluas iom post iom.

(raportas: s-ro Bradley McDonald, Prezidanto de NZEA)

# Ĉinio

## ■Pri Universitato Zaozhuang

1) Dudek kvin studentoj finis la unuaklason, kaj promociiĝis al la duaklaso.
2) Dudek kvin novaj studentoj estis rekrutitaj en la 2019.
3) Okazis, ke sep lernantoj kaj ses instruistoj de la Elementa Lernejo de Baiyangshu-strato en Shanxi-Provinco de Ĉinio, vizitis la universitaton Zaozhuang, kaj ili interrilatis kun studentoj kaj profesoroj de Esperanto-fako.
4) Du studentoj nun estas partoprenantaj en ĉi-jara Lahti-UK okazonta en Finnlando.

(Raportas : prof. d-ro Bak Giwan)

## ■Raporto pri Tajvana movado



En la suda urbo Pingtung en Tajvano jam delonge la koro de la movado forte batas. Kursoj de Esperanto troviĝas nur tie. Kutime la Zamenhofaj festoj okazas samurbe kaj alilandaj gastoj vizitas ĝin.

Nuntempe la kurso de Esperanto nur okazas en unu el la grandaj privataj mezalt-lernejoj en la sudo de Tajvano (kun ĉ. 2000 studentoj) jam por la deksesa jaro kadre de eksterkursa lecionaro. Ĉi-jare la ĉefa instruisto estas Ingrid Chuang kun helpo de Reza. Cetere, la studentoj korespondis kun franca E-klubo kiun gvidis Emmanuel.

Nia loka gazeto nuntempe aperas unufoje jare. Ĝi eldoniĝas en kvanto de 200 ekzempleroj, kaj disdoniĝas en Tajvano kaj aliaj landoj. La gazeto konsistas el 60-70 paĝoj. Ĝin antaŭ jaroj redaktis, kaj eldonis unue Grego Kay, Usona Esperantisto (kiu havas denaske

parolantan filon, nomata Linken); poste mi por jaroj, kaj daŭre Cyril Vergnaud nia franca Esperantisto, kiu loĝas en Pingtung, redaktis, kaj eldonis ĝin por kelkaj numeroj, kaj nun denove mi redaktas ĝin kun helpo de Benjamin Irwin, Abengo, Liru kaj aliaj.

Kiel kutime ankaŭ pasintjare kaj ĉi-jare prof. Wang Ju-kwei senlace kaj daŭre tradukis multajn gravajn ĉinajn literaturaĵojn. Malgraŭ sia aĝo (nun pli ol 80), li ne ĉesis tian laboron, kaj tiel nia tajvana esperantistaro povis profiti el liaj tradukoj por plialtigi nian kapablon de la lingvo kaj nian konon pri la ĉina literaturo.

Ni akceptis multajn gastojn, precipe el Koreio. Antaŭe Dennis Keefe vizitis nin por 12 tagoj kaj prelegis en kelkaj universitatoj kaj en poliglota klubo.

(raportas: s-ro Reza Kheirkhah)

## Mongolio

- Mongolaj esperantistoj preparas por akcepti du karavanojn de fremdaj esperantistoj.

- Unue, dum la 7a-11a, julio, 2019 ni akceptos karavanon de nepalaj esperantistoj, kiuj survojas tra Ĉinio, Mongolio kaj Rusio al la UK en Lahtio.

- Due, post la UK internacia karavano trajnumos de finnlanda urbo, Lahtio tra Rusio atingos al Ulanbatoro. Ili restos en Mongolio dum la 6a-11a, aŭgusto 2019, kaj ili ekskursos laŭ interesa turisma programo.

- Kaj IKEF-Mongolio kunlabore kun la IKEF okazigos la 3an Konferencon de IKEF en Ulanbatoro dum 13-16 aŭgusto kun alloga turisma programo.

(raportas: s-ro Chimedtseren Enkee)

Al la redaktejo viaj opinioj kaj admonoj estas tre bonvenaj!
Bonvolu turni vin senhezite al Kaŭa: anatiti.7@gmail.com

## Koreio

### Raporto el Koreio

### 1. Partopreno en 9a Azia-Oceania Kongreso

74 koreaj esperantistoj partoprenis en la 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto. En la kongreso 4 koreoj prelegis kun diversaj temoj kaj s-ro Lee Jungkee (estrarano de UEA) kaj prof. So Jinsu (prez. de KAOEM) ricevis la ordenon "Pro paco, amikeco inter popoloj" de VUAO. Laŭ la decido de KAOEM, Korea Esperanto-Asocio (KEA) aŭ decidos la daton kaj lokon por la 10-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto en 2022.




La Somera Tutlanda Kurskunveno en la urbo Juseong

### 2. Tago de Pioniro

Por la 21a Tago de Pioniro, kiu estas lanĉita de 1999 por tre aktivaj antaŭuloj en korea Esperanto-movado, KEA havis ceremonion en la 11a de majo en Seula Hyeonchungwon (nacia memoriga tombejo), kaj rememoris s-ron LEE Chae- hyon



Ceremonio de ' Tago de Pioniro', ĉe Korea Nacia Tombaro

(Hajpin Li, 1917~1997, vicprezidanto de KEA). Partoprenis ĝin 13 personoj inkluzive de s-ro LEE Hyeongjin, filo de Hajpin Li. Laŭvice okazis ‘La Espero’, Meditado, Saluto de la prezidanto de KEA LEE Young-koo, Persona historio de LEE Chae-hyon kaj Saluto de lia filo, kaj sekvis rememorindaj rakontoj pri la pioniro. Laste KEA donacis al la filo la libron ‘Nia Diligenta Kolegaro’ kiel memoraĵon.

### 3. Koreaj verduloj ekskursis al monda heredaĵa budhisma templo



La 1an de junio 2019, 14 verduloj partoprenis la 14-an 'Verda Ekskurso'-n, kiu okazis en Magoksa, budhisma templo situanta en urbo Gongju 140 km sude de Seulo. La templo estas unu el 7 'Koreaj Montaj Monaĥejoj' registritaj kiel 'Monda Heredaĵo' de UNESKO en 2018. Du organizoj, Zamenhofa Klubo kaj Seula Filio de KEA, komune organizas la ekskurson por helpi siajn membrojn praktiki la lingvon, ĉar dum la daŭro de la ekskurso oni devas paroli tute en Esperanto.

### 4. La 15a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado

De la 6a ĝis la 9a de junio, okazis ‘La 15a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (IERM)’ sub la organizo de Esperantista Asocio de Ŭonbulismo, en la Bene Junulara Trejnejo ĉirkaŭita de la belaj naturaĵoj de la monto Gaĝi-san tiel nomata Yeongnam Alpo. Ĝia ĉeftemo estis ‘Unu Vero, Unu Mondo’ kaj pritraktata en la prelegoj kaj matenaj kaj vesperaj meditadoj okazintaj 5-foje.



La 15a Internacia E-Renkontiĝo de Meditado

Al la IERM aliĝis 54 gesamideanoj el 5 landoj inkluzive de 7 alilandanoj (2 el Ĉinio, 2 el Hungario, 2 el Pollando kaj 1 el Rusio). Partoprenantoj loĝis en la trejnejaj ĉambroj. Diversaj salonoj havis la nomojn de konataj esperantistoj kaj fondinto de Ŭonbulismo.

**5. KER-ekzameno en Seulo, Koreio**

En la 15-a de junio, 2019 okazis KER-ekzameno en la Korea Fremd-lingva Universitato.

Tute 25 personoj ekzameniĝis el kiuj B1(11 personoj), B2(6), C1(8) troviĝis respektive. De la jaro 2012, koreaj esperantistoj aliĝis en la ek-zameno kaj jam sufiĉe da koreaj esperantistoj trapasis la ekzamenon.



La Somera Tutlanda Kurskunveno en la urbo Juseong

(Raportas: s-ino Oh Soonmo, Vicprezidanto de KEA)

## Japanio

**Raporto el Japanio（majo 2019 ~）**

**1. Kongresoj**

1) Regionaj kongresoj

▪ La 93-a Kongreso de Esperantistoj en Kjuŝu: la 18-19an de majo en Miyazaki okazigis Kjuŝua Esperanto-Ligo kaj Mijazaki Esperanto-Societo. Partoprenis 44 inkluzive moralajn 17.

▪ La 68-a Esperanto-Kongreso de Regiono Kantoo: la 25-26an de majo en Kameido okazigis Esperanto-Ligo en la regiono Kantoo. Partoprenis 93 inkluzive moralajn 38.

▪ La 67-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo: la 1-2an de junio en Uĵi kun la kongresa temo, “Turismo kaj Esperanto” okazigis Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj. Partoprenis 179 inkluzive moralajn 47.

▪ La 26-27an de oktobro okazos la 20-a Esperanto-Kongreso de Tyūgoku kaj Sikoku en Kotohira, la 60-a Tōhoku-Kongreso de

Esperanto en Hukusima, kaj la 68-a Esperanto-Kongreso de Tookai en Nagojo, kaj la 2-4an de novembro la 83-a Hokkajda Kongreso de Esperanto en Sapporo.

2) Japana Esperanto-Kongreso (JEK)

▪ La 106-a JEK memore al la 100-jariĝo de Japana Esperanto-Instituto (JEI) okazos la 12-14an de oktobro en la urbo Saitama kun la kongresa temo, "La mondon malfermas Esperanto – Interkompreno kaj pluen".

▪ La 107-a JEK okazos en 2020 en Nagojo.

**2. Ekzamenoj**

▪ Kvalifikaj Ekzamenoj de Esperanto (KER-ekzameno) laŭ JEI okazis la 19an de majo en Nagojo kaj la 1an de junio en Tokio.

▪ La KER-ekzameno okazis ankaŭ la 15an de junio en Tokio kaj Ŝimonoseki.

**3. Seminario**

JEI okazigas Esperanto-seminarion ĉiu-jare. Ĉi-jare Esperanto-seminario por mezniveluloj okazis en Ranzan la 22-23an de junio kun 14 partoprenantoj.

**4. Prelegkunsido**

Publika prelegkunsido por la Esperanto-Tago en Japanio (la 12a de junio) okazis en JEI en Tokio kun la temo, "Mult-lingva lernado kaj mult-kultura kunvivado" la 16an de junio. La prelegantoj estis s-roj Jack Halpern kaj Tony Laszlo. 64 partoprenis.

**5. "Esperanto Nun," pri Esperanto al amaskomunikiloj**

Publikiĝis kun la temo, "Mult-lingva kaj mult-kultura kunvivado kaj Esperanto" la 1an de junio.

**6. Administrado de Japana Esperanto-Instituto**

La raporto pri la entreprenoj kaj la bilanco por la financjaro 2018 (aprilo 2018-majo 2019) estis konfirmitaj kaj aprobitaj de la estraro kaj la konsilio de JEI en majo kaj junio.

(raportas: s-ro SUZUKI Keiichiro, Prezidanto de JEI)

# Bonvenon al la 106-a Japana Esperanto-Kongreso




Retejo en E. :
http://saitama-esperanto.net/jek2019/?p=i_eo

Gubernio Saitama situas tuj norde de Tokio. Kvankam ĝi havas ĉ. 7 150 mil loĝantaron, japanoj aŭ prefere saitama-anoj mem kutimas cinike diri, ke Saitama nur satelitas de Tokio. Do ankaŭ multaj esperantistoj tie loĝantaj ofte aktivas en Tokio, sia labor- aŭ- stud-loko. Kaj ĝis nun neniam okazis JEK en la "ombra" gubernio.

Ĉi-oktobre en JEK-106 vi nepre ĝuos diversajn programojn kiujn ankaŭ la loka organizanto en Saitama preparas kun granda fervoro.

- Dato: la 12-a(sab.), 13-a(dim.), 14-a(lun.) de oktobro 2019
- Loko: Saitama-kaikan(domo) en la urbo Saitama, Gubernio Saitama
- Organizas: Japana Esperanto-Instituto (JEI), LKK en Saitama
- Kotizo: Partopreno el ekster Japanio (el alilando) 2 000enoj
  *aparte: Bankedo 5 500enoj / Postkongresa ekskurso 7 500enoj

《Programeroj》
- Arta Vespero: koncerto de profesiaj kantistoj k. instrumenta duopo
- Prelegoj de Mikaelo BRONŜTEJN (en Esperanto)
- Publikaj Prelegoj kaj Simpozio (japanlingvaj)
- Aliaj programeroj: stud-raporta kunsido de JEI, Esperanto-kursoj, fakkunsidoj, junulara programo, Ĝuu Esperanton, bankedo ktp.
- Postkongresa Ekskurso: La 15-an de oktobro (marde) 09:00-17:00
  Kotizo: 7 500 enoj / Ni buse vizitos Nekropolon de Sakitama, La Muzeon Maruki kaj la urbon Kawagoe.

★Detalaj informoj haveblas ĉe
Japana Esperanto-Instituto (JEI).
JP-162-0042 Tokyo-to
Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
retadreso jek2019@jei.or.jp
fakso +81-3-3203-4582 /
telefono +81-3-3203-4581



la nostalgia strato de la urbo Kawagoe
kien ni ekskursos post la kongreso

# Okazos **Tutmonde** (kaj alikontinente)

2019

13-20/07: Kongreso de ILEI, 52-a (Ĉaĉak, Serbio)
20-27/07: Universala Kongreso, 104-a (UK) (Lahtio, Finnlando)
28/07-04/08: Internacia Junulara Kongreso, 75-a (IJK) de TEJO (Liptovsky Hradok, Slovakio)
04-11/08: Kongreso de SAT, 92-a (Barcelono, Hispanio)
04-13/08: Renkontiĝo de Amikoj-14 (Kamĉatka, Rusio)
21-27/12: Afrika Kongreso, 7-a (Buĵumburo, Burundo)

2020

28/07-04/08: Internacia Junulara Kongreso, 76-a (IJK) de TEJO (Someren, Nederlando)
01-08/08: Universala Kongreso, 105-a (UK) (Montrealo, Kanado)

## en Azio kaj Oceanio

2019

28/07-12/08: Postkongresa E-Karavano - tra Rusio, Mongolio, Ĉinio
13-16/08: Komuna Konferenco de IKEF (Ulanbatoro, Mongolio)
24-26/08: Nur-Esperanta Kunvivado (Hokuto-si, Japanio)
13-20/09: Ekskurso al Irano (Boruĝerd, Irano)
14-16/09: Tagoj de Jacugatake-E-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
15-16/09: Kioto: Friska Lernejo, 50a
05-06/10: Korea Kongreso de Esperanto, 51a (Jinju, Koreio)
12-14/10: Japana E-Kongreso, 106a (Saitama-si, Japanio)
14-18/10: Sud-Azia Seminario, 5a (Katmanduo, Nepalo)
18-24/10: Speciala Renkontiĝo, 4a (Katmanduo, Nepalo)
26-27/10: E-Kongreso de Tyugoku k. Sikoku, 20a (Kotohira, Japanio)
decembre: Namkang-Esperanto-Lernejo, 39a (Cheongdo, Koreio)
14/12: Zamenhof-Tago k. Tago de E-Libro, 160a (ie en Koreio)

2020

10-19/01 Kuna kongreso de la Nov-Zelanda kaj Aŭstralia E-Asocioj (Aŭklando, Nov-Zelando)
21-27/05: Ekskurso al Irano (Borujerd, Irano)

## La Novaj KAOEM-anoj ( junio 2019 – junio 2022 )

◇Prezidanto: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp
◇Vic-: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
◇Sekretario: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
◇Vic-: Sondang Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com

◇Reprezentantoj:

・Okcidenta kaj Centra Azio

**Israelo**: Eran Vodevoz (s-ro), evodevoz@yahoo.com
**Irano**: Hamid Babadi Akasheh (s-ro), hamid.babadi@gmail.com
**Taĝikio**: Firdaus Shukurov (s-ro), komintel@yandex.com

・Suda Azio

**Pakistano**: Irfan Mehdi (s-ro), irfanmehdi.esp@gmail.com
**Barato**: Giridhar Rao (d-ro), agiridhar.rao@gmail.com
**Nepalo**: Mukunda Raj Pathik (d-ro), mpathik@gmail.com

・Sud-Orienta Azio kaj Oceanio

**Vjetnamio**: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
**Indonezio**: Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com
**Aŭstralio**: Sandor Horvath (s-ro), sandorhorvath07@gmail.com
**Nov-Zelando**: Bradley McDonald (s-ro), bradley@nzea.org.nz

・Orienta Azio

**Ĉinio**: Wang Ruixiang (s-ro), lamondo@163.com
**Mongolio**: Chimedtseren Enkhee (s-ro) chimedtserenenkhee@yahoo.com
**Koreio**: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
**Japanio**: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp

---

◇Honoraj prezidantoj de KAOEM:

Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Karaj legantoj,** vin amike salutas la nova redaktanto, 63-aĝa emerita japano KAWAMOTO Hiromi ("Kaŭa" estu mia alinomo ĉi tie). Kaj mi elkore dankas kaj pardonpetas tiujn kiuj suferis pro miaj trudemoj, maldecoj kaj multaj fuŝoj sed bonvolis helpi mian unuan redaktadon. Do mi promesas prepari la sekvantan numeron diverssence en ordo.



Jam antaŭ pli ol 30 jaroj mi iom ŝvitis por envojigi Komunan Seminarion, la unuan regulan internacian E-eventon en Azio, kunlaborante kun s-roj So Jinsu, Nisinaga ka. Ekde tiam mi daŭre pensas, ke disvastiĝo de "***la*** uzado de la lingvo neŭtrale homa" tamen devus renkonti iom aliajn problemojn kaj eblecojn en Azio ol en Eŭropo. Pasintjare reveninte al la movado post 17-jara forestado, mi denove havis la volon esplori la temon. Kaj 'Esperanto en Azio kaj Oceanio' kresku riĉa por ampleksi pli multajn kaj diversajn esperojn de esperantistoj, espereble inkluzivante mian. (Kaŭa)

## Retpaĝoj de KAOEM

(1) La retejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/

(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm

Klarigo pri la membriĝo al la retejo :
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356

(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?

A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novaĴo

B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj


**Esperanto en Azio kaj Oceanio**

Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (AOK/KAOEM)

Adreso de KAOEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Reta adreso al KAOEM:

Retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/

Redaktoro: KAWAMOTO Hiromi (Kaŭa): anatiti.7@gmail.com
Japanio 350-1307 Saitama-ken, Sajama-si, Gion 21-32